VIIIa jaro. No 128 ★ Duonmonata ★ 5 Augusto 1912

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

**ABONO**
Jara abono . . . . . . 2,00 $ (5 fr. »)
Luksa eldono. . . . . 2,50 $ (6 fr. 25)
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato.*

DIREKTORO :
HECTOR HODLER

**REKLAMO**
Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco). 20 Sd.
Anonceto (1 linio : 10 vortoj) . 15 Sd.
Korespondado (1 enskribo) . 20 Sd.
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj, 25 % por 12 enpresoj ; 50 % por 24 enpresoj.*

Redaktejo & Administrejo : 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



# U. E. A. KAJ ESPERANTISTAJ SOCIETOJ

*Plano pri praktika kunlaborado de la naciaj esperantistaj societoj kun U. E. A.*

Oni ofte esprimis la deziron, ke la rilatoj inter U. E. A. kaj la naciaj societoj estu pli oftaj kaj pli bone certigitaj. Ke ili estis ĝis nun tre amikaj, kvankam ne oficialaj, ĉiu scias ĝin tre bone, kaj ni uzos tiun okazon, por esprimi niajn dankojn al la naciaj societoj por la helpo, kiun ili alportis al ni en multaj okazoj, ĉu por la elekto de Delegitoj, ĉu per favoraj artikoloj en siaj gazetoj, ĉu pro ilia bona kompreno de la praktika flanko de nia agado.

Sed ni opinias, ke tio ne sufiĉas. Por trafi pli bonajn rezultatojn, ni devas metode interrilati, kaj ne nur hazarde. Ni devas scii ĝuste, kio devas esti nia sintenado unuj rilate al la aliaj ; ni devas konduti en tiuj rilatoj ne laŭ persona aŭ momenta kaprico, sed laŭ kelkaj principoj, kiuj malebligos agojn malbone aŭ eĉ ofende interpretotajn.

Mi unue rimarkigos, ke U. E. A. neniel pretendis, ke la sola agadkampo de Esperantismo estas la internacia. Mi opinias ke, sur ĉiuj kampoj, la praktika kiel la propaganda, necesaj estas la Esperantistaj Societoj lokaj, provincaj kaj naciaj. Sed mi ankaŭ estas konvinkita, ke Esperantismo estas antaŭ ĉio internacia afero, ke tiuj ne internaciaj societoj ne povas plenefike labori, se ili agas en plena diseco, sen iu pera organismo, kiu certigos al ili konstantajn kaj metodajn eksterteritoriajn rilatojn.

Due, ni bone atentu, ke U. E. A. kaj la landaj esperantistaj societoj, rilate al praktikaj aferoj, ne laboras laŭ sama vidpunkto. Esperantistaj grupoj de bavaraj Alpoj aŭ de francaj, belgaj aŭ germanaj banurboj, kiuj eldonas gvidfoliojn, bohema esperantista societo, kiu invitas la samideanojn partopreni en gimnastika nacia manifestado, itala aŭ aŭstria provinca ligo, kiu organizas ekskurson por vizitigi la belajojn de sia lando, aŭ alvokas por partopreno en iu komerca aŭ industria ekspozicio, laboras por la profito de siaj samlandanoj. Male, kiam U. E. A. instigas al eldonado de gvidfolioj, aŭ konatigas tutmonde la lokajn komercajn aŭ industriajn notindajojn, aŭ helpas al organizo de vojaĝo, ĝi laboras por la profito de siaj ĉiulandaj membroj. Dum la landpartaj societoj agadas en tio kiel societoj de produktantoj, U. E. A. reprezentas la interesojn de la klientoj, kaj sekve havas la nepran devon resti plene neŭtrala rilate al ĉiuj lokaj, provincaj aŭ naciaj societoj. Sed oni facile komprenos, ke ambaŭ, la produktantoj kaj la klientoj havos plej gravan profiton, se anstataŭ ignori unu la alian, ili partoprenas en sama organismo celanta, ke ĉiu produktanto trovu la bezonatajn klientojn kaj ĉiu kliento la serĉatan produktanton.

U. E A. celas esti tia organismo, kaj por ke oni pli facile komprenu, kiel ĝi povas kunlabori kun la naciaj societoj, oni permesu, ke mi donu kelkajn detalojn.

*Gvidfolioj kaj gvidlibroj.* — Nekontestebla estas la utileco de eldonado, iniciatita de nia bedaŭrata samideano Cazeaux, de la turismaj gvidfolioj, en sama mondformato, sub niaj aŭspicioj. Jam ili ekzistas por 80 urboj. Sed, por ke ili havu

sian plenan utilecon, estus necese, ke la turistoj estu certaj ricevi tian gvidfolion por la plimulto de la urboj, kiujn ili intencas viziti en iu ajn vojaĝo.

Similajn rimarkojn ni faros pri la Universitataj gvidfolioj, kiuj ekzistas ĝis nun nur por 6 universitatoj. Ne malpli dezirinda estus la eldono de gvidfolioj aŭ de broŝuretoj, kiuj montras la komercajn produktaĵojn de tuta landparto, kaj por la laboristoj la kondiĉojn de vivado, la salajron, la laborleĝojn por tuta lando. Tiuj lastaj eldonaĵoj estas ĝis nun nur projektoj.

Kiel plimultigi la gvidfoliojn ĉiuspecajn? Por tio ni devas nin turni, kiel ni faris ĝis nun, al la grupoj, al la provincaj kaj naciaj societoj. Nur ili povas trovi la necesajn kunlaborantojn kaj ĉefe la monon por tiaj eldonaĵoj. Pli facile ol niaj Delegitoj, — kiuj devas klopodi en la nomo de eksterlanda internacia Asocio, — ili povas ricevi por tio de la lokaj urbestraroj, iniciataj sindikatoj, komercaj ĉambroj, universitatoj, la bezonatan helpmonon. Tiel sukcesis ricevi gravajn monhelpojn la grupoj de Bourg, Bad-Reichenhall, Bad-Godesberg, Grenoble, Praha, Bologna, Tours, ktp., kiuj per ili eldonis ne nur gvidfoliojn, sed eĉ luksajn ilustritajn gvidlibrojn tra sia lando.

*Hoteloj.* Oni scias, ke U. E. A. decidis publikigi en sia venonta jarlibro liston de hoteloj al kiuj niaj samideanoj povos sin turni kun la certeco, ke ili trovos loĝejon kaj manĝojn laŭ komfortaj kaj ne tro kostaj kondiĉoj. Por la starigo de tiu listo, por la poste dezirata unuformigo de kelkaj tarifoj aŭ kondiĉoj (matenmanĝo, trinkmono, k. c.), ni eble devos fari specialajn klopodojn al la naciaj hotelistaj Unuiĝoj ; en tio estas ankoraŭ nedubinde, ke la helpo de la naciaj societoj povos esti al ni tre utila.

*Vojaĝstipendioj.* — La iniciato de la vojaĝstipendioj, kiujn la unuan fojon organizis la Burgonja Esperantista Federacio, estas ŝuldata, kiel oni scias, al U. E. A. Pri la sukceso de tiu kreaĵo estas priparolite en niaj gazetoj ; jam tri junuloj ricevis la stipendion. Ĉiuj tri estis tre inteligentaj, tre kleraj Esperantistoj, kaj la instruoj, kiujn ili ricevis en siaj vojaĝoj, fariĝis tiel evidentaj, ke, ĉi tiun jaron, loka grava franca ĵurnalo *Le Lyon Républicain* aldonis 80 Sm. al la stipendio, kondiĉe, ke la stipendiulo sendos al ĝi raportojn pri sia vojaĝo. Fondo de similaj vojaĝstipendioj en aliaj landoj komprenebleestas plej konsilinda. Por tiu ĉi afero la intima kunlaborado de U. E. A. kun provincaj aŭ naciaj societoj estas necesega : ĉi tiuj lastaj trovu la monon, organizu la konkurson, kaj U. E. A. donu al la stipendiulo, per siaj Delegitoj, ĉiun necesan helpon por fari la vojaĝon.

*Esperanto-Oficejoj.* — Mi ne volas trakti ĉi tie la tutan demandon pri la Esperanto-Oficejoj, nek rememorigi, la servojn, kiujn ili faras, ĉu vendante ĉiuspecajn esperantaĵojn, ĉu permesante afiŝadon de diversaj avizoj al la lokaj samideanoj, ĉu ebligante, ke oni pagu ĉe ili la kotizaĵojn de l'grupoj aŭ de U. E. A., aŭ la abonojn al gazetoj ; la simpla cito de tiuj servoj montras, ke ili estas interesaj tiel por la loka grupo kiel por la Del. kaj la membroj de U. E. A. Mi nur volas atentigi pri nova demando, kiu stariĝas antaŭ ni, almenaŭ en la grandaj urboj, pro la konstanta pligrandiĝo de la laboro de niaj Delegitoj. Jam okazis, ke en Londono la Delegito ricevis dum 1911 pli ol 700 informpetojn kaj ke li ne plu povas plenumi sian taskon. Memkompreneble la rilate tre modesta buĝeto de U. E. A. tute ne ebligas ke ni nun elpagu helpmonon al la Delegito de Londono, Berlino, Parizo, k. c., por ke li povu pagi la necesan oficiston, skribmaterialon kaj oficejon. Tamen la ĵus citita okazintaĵo en Londono alportas al ni grandan ĝojon : ĝi nekontesteble pruvas, ke niaj servoj ekzistas ne nur teorie sed fakte kaj ke ili estas ŝatataj ; per tiu fakto fariĝas klare ke, kiam ni diras, ke ni bezonas monon, tio estas ne por teoria konstruaĵo sed por urĝaj praktikaj bezonoj. Ke la servoj tie farataj estas utilaj ne nur al niaj membroj sed ĉefe al la Londonaj komercistoj, industriistoj, hoteloj, vojaĝagentejoj, kiuj per tiuj servoj ricevas novajn mendojn, novajn klientojn, estas evidente por ĉiuj. Ke nur lokaj esperantistaj asocioj bone organizataj, kun regulaj kunvenoj kaj konata sidejo, t. e. la Londonaj grupoj kaj la Brita Asocio, — havas sufiĉe da aŭtoritato kaj influo por konvinki pri tio la londonan komercistaron, la komercajn ĉambrojn, k. c., kaj ricevi de ili la necesan monapogon, mi ne bezonas insisti. Mi do konkludas per tio, ke estas dezirinde, ke en ĉiu loko, la grupoj, la federacioj, la naciaj societoj imitu la Londonan ekzemplon kaj helpu al la starigo de Esperanto-Oficejo kiel eble plej plene organizita.

* *

El tiuj ekzemploj oni certe nun komprenas, ke U. E. A. ne povas plenumi sola la taskon praktike labori sur la komerca, industria, turisma kampoj, per Esperanto, sed ke ĝi ankaŭ bezonas por tio la kunlaboradon de lokaj grupoj, federacioj kaj naciaj societoj. Se ilia kunlaborado estus al U.E.A. rifuzita, ĝi devus aŭ forlasi kelkajn el la ĝisnunaj servoj (gvidfolioj, gvidlibroj, vojaĝstipendioj, k. c.) aŭ krei por tio novajn lokajn, provincajn, naciajn societojn, flanke de la jam ekzistantaj. Pri tiu dua solvo, U. E. A. neniam pensis. Ĉiu scias, ke la Esperantistaro estas nur unu granda rondo kaj ke ni neniel devas ĝin dispartigi en senfinajn partiojn aŭ konkurantajn societojn. Ĉu ne estas pli bone, ke kiel ĝis nun, sed pli intime, pli regule ol ĝis nun, pro la kreskanta graveco de nia tasko, U. E. A. kaj la naciaj societoj kunlaboradu por la kiel eble plej rapida kaj vigla prosperado de nia praktika agado?

De la suprecititaj punktoj, en kiuj tiu kunlaborado estas utila, kaj fariĝas pli kaj pli necesa, oni facile ankaŭ komprenos, kiu estos nia respondo al la demando : kia estas la rolo de la diversaj esperantistaj societoj en la Esperanto-Movado? Tiu demando, precipe lastatempe, instigis en multaj ĵurnaloj diskutojn, ĉiuj pli malpli *teoriaj*. Laŭ la *faktoj*, kiujn mi ĵus citis, montriĝas, ke la sola respondo al tiu demando estas jena : La rolo de la Londona aŭ Berlina grupoj estas respektive londona kaj berlina t. e. *loka ;* la rolo de la Saksa aŭ Burgonja Federacioj estas respektive saksa kaj burgonja t. e. *provinca ;* la rolo de la itala aŭ bohema Societoj estas itala aŭ bohema t. e. *nacia;* kaj fine la rolo de la Universala Esperanto-Asocio estas universala kaj *internacia.*

Ke la lokaj, provincaj aŭ naciaj societoj devas sin okupi ekskluzive pri la propagando estas, kiel ni ĵus vidis, nek dezirinde, nek konforme al la faktoj. Pretendi, ke la fakaj societoj kaj U. E. A. devas sin okupi nek pri la propagando, nek pri nia lingvo mem, ankaŭ kontraŭstaras la plej evidentajn realaĵojn. Ĉiuj scias, ke la fakaj societoj ankaŭ propagandas Esperanton en sia speciala medio, ke, ekzemple la katolikoj unue uzas Esperanton por diskuti pri katolikaj aferoj en siaj kongresoj, kaj due, kun plej laŭdinda fervoro propagandas, instruas nian lingvon ĉe siaj samreligianoj, kaj eĉ publikigas specialajn gramatikojn. Pri U. E. A., nenio en ĝia statuto malpermesas, ke ĝi sin okupu pri la propagando kaj eĉ pri la instruado de Esperanto ; nur, ĉar ĝi *volas*, ke nia lingvo restu ĉiuloke kaj ĉiutempe komprenebla kaj uzebla, ĝi malpermesas al si ĉiujn diskutojn pri lingvaj demandoj, tio estas pri tiel nomataj plibonigoj aŭ reformoj. Sed, ke ĉiu esperantiano estas samtempe propagandema esperantisto, neniu povas dubi ; ke niaj Delegitoj kaj membroj uzas ĉiun okazon por konvinki la skeptikulojn pri la utileco de Esperanto, montrante al ili la palpeblajn servojn, kiujn ili ricevis de U. E. A., ĉiuj konsentos, ke estas ne nur ilia rajto sed ankaŭ ilia devo. Ni ne forgesu, ke la funkciado de U. E. A. materie estus neebla, se ĝi ne havus Esperanton kiel solan interkomprenilon inter siaj membroj, siaj Delegitoj kaj sia komitato, kaj plie havus morale neniun signifon, se oni forigus de ĝi ĝian idealon, tio estas la nova sento

alportita en la mondon samtempe kun nia lingvo. Kiel do U. E. A. povus ne sin pri okupi pri Esperanto mem? Kion oni dirus, pri francoj, kiuj pretendus, ke la propagando kaj instruado de la franca lingvo, koncernas nur la Societon « Alliance française » (Societo por propagando de la franca lingvo), kaj tute ne la francan registaron? Aŭ kion dirus ankaŭ katolikoj pri samreligianoj, kiuj opinius, ke la Katolika Eklezio ne devas zorgi pri propagando aŭ instruado de la latina eklezia lingvo, sed nur lasi tiun taskon al la laikaj gimnazioj aŭ universitatoj, kiuj tion faras nur tial, ke ili ŝatas la latinan literaturon?

Tamen oni bone scias, ke, pri la instruado de nia lingvo, U. E. A., neniam sin okupis, ĉar ĝi opinias, ke tiun taskon bonege plenumas, en plena libereco, la grupoj, la provincaj kaj naciaj societoj. U. E. A., bezonas havi la certecon, ke la instruado kaj propagando de Esperanto estos vigle direktataj; estas ankaŭ ne kontesteble, ke por tiu tasko la internacia kunlaborado estas nek necesega, nek tiel grava kiel por la praktikaj aplikajoj.

Malgraŭ tio, ni facile povos citi kelkajn faktojn, en kiuj vidiĝos klare, ke eĉ en tiuj aferoj, kunlaborado de U. E. A. kun grupoj, provincaj kaj naciaj societoj estus ŝatinda.

*Statistiko pri Esperanto-instruado.* — De du jaroj, en la statistiko de niaj servoj, ni aldonis demandon pri la nombro de la Esperanto-kursoj kaj la lernantoj; la rezultato estas tre interesa. Dum en 1910 estis 739 kursoj kaj 11.941 lernantoj, en 1912 estis 1.036 kursoj kaj 17.530 lernantoj; tio montras senteblan kreskadon. Ke tiuj ciferoj estas interesaj por la propagandistoj, tio estas certa, sed pli interesa estus la sama statistiko laŭ la landoj, kaj eĉ laŭ la provincoj. Per ĝi, la naciaj societoj, la federacioj, pli bone scius, kie ili devus akcentigi siajn klopodojn kaj apogi la penadojn de la samideanoj. Ĉar ni havas nun ĉiujn elementojn de tiu statistiko por 1911, mi ne dubas ke la Centra Oficejo de U. E. A. estos preta ilin ordigi laŭ nacioj kaj provincoj, se oni pri tio esprimas la deziron. Eĉ, ŝajnas, ke ne kostus al ni tre multe da pluaj klopodoj por aldoni al ĝi, la venontan jaron, la nomojn de la Esperanto-instruantoj kaj la nombron de la novaj diplomitoj.

*Ekzamenoj.* — Certe la naciaj societoj devas organizi la ekzamenojn ne malzorgante la naciajn kutimojn kaj metodojn. Tamen ŝajnas, ke estas permesate al U. E. A., esprimi pri tio siajn dezirojn. Kiam ni elektas novan Delegiton, ne malutilus, se ni tuj povus scii, ĝis kia grado li scias Esperanton, ĉu li estas klera pri nia historio, ĉu krom literaturaj konoj, li ankaŭ iom lernis pri praktikaj esperantaj aferoj, ekz. internacia mono, poŝtaj tarifoj, fervojoj, ĉefaj internaciaj asocioj kaj institucioj k. c. Plaĉus certe al ni, ke demandoj pri tiaj temoj estu enigitaj en la programojn de kelkaj ekzamenoj. Fine, estus dezireble, ke en ĉiu lando, la diplomo de sama grado respondu proksimume al sama klereco de la diplomitoj. Se reprezentantoj de la naciaj societoj bonvolus ekzameni kun la komitato de U. E. A. tiujn demandojn, kaj se ni alvenus en tio al praktikaj konkludoj, verŝajne U. E. A. ne hezitos, estontece, peti kaj eble postuli de niaj Delegitoj, kaj ankaŭ de la oficistoj de la esperantiaj entreprenoj, ke ili prezentu al ni siajn esperantajn diplomojn.

*Fondo de novaj grupoj.* — Eĉ en la pura propagando mem, ni ofte spertis, en izolaj okazoj, la utilon de la reciproka apogo, kiun povas ricevi unuj de la aliaj, U. E. A. kaj la Federacioj aŭ naciaj Societoj. Ni nun havas Delegitojn aŭ Subdelegitojn en multaj lokoj, kie ne ekzistas esperantista grupo. Ili estas en konstanta rilato kun la C. O. de U. E. A. en Ĝenevo, kiu tiel tenas ilin ĉiam pretaj komenci en ilia loko seriozan propagandon kaj praktikan agadon. Ili estas veraj pioniroj de nia movado kaj, ĉe la unua prezentiĝanta okazo, organizas esperanto-paroladon kaj fondas novan grupon. La servoj faritaj de niaj izolaj Delegitoj en tiu rilato estis lastatempe grandaj, ĉefe en Italujo, en Grekujo, en Franca provinco Franche-Comté kaj en Ĥinujo. Certe la C. O. de U. E. A. estus tute preta komuniki al la naciaj societoj la nomojn de la plej agemaj el niaj Delegitoj kun kiuj ili povas tute speciale kalkuli por organizo de propagando aŭ instruado en ilia regiono.

Reciproke, oni ofte esprimis la deziron — nova pruvo, ke ĉiuj deziras, en la grupoj kaj naciaj societoj, konstantan kunlaboradon kun U. E. A., — ke U. E. A. konsultu la grupojn aŭ la provincajn aŭ naciajn societojn, kiam ĝi elektas novan Delegiton, ne balotitan de siaj membroj. Tio ŝajnas ja tre dezirinda kaj ni neniel dubas, ke U. E. A. plezure tiel agos tuj, post kiam ĝiaj rilatoj inter la naciaj societoj estos reguligitaj kaj konstante certigitaj.

*Diversaj jarlibroj.* — Se la oficiala jarlibro de U. E. A. estas necesega por niaj membroj, certe ĝi ankaŭ povas esti tre utila por la grupoj, provincaj kaj naciaj societoj. Jam en ĝi ni publikigas la liston de la grupoj kaj societoj kiuj estas Esperantiaj Entreprenoj aŭ Asocioj. Mi opinias, ke ni povos ankaŭ aldoni senpage notojn iom detalajn pri la naciaj societoj, statistiko de iliaj membroj kaj kursoj, citon de la diplomoj, kiujn ili liveras, kaj ĉefe, informojn pri ilia praktika agado, tutnaciaj gvidlibroj eldonitaj, vojaĝstipendioj fonditaj, dato kaj loko de ilia ĉiujara Kongreso k. c.

Aliparte kelkaj naciaj societoj esprimis la deziron aldoni en sia jarlibro informojn pri U. E. A. kaj speciale la liston de la Delegitoj kaj konsuloj de U. E. A. en sia lando. Al tia deziro ni povas nur favore respondi. Ni donu al ili ĉiun necesan pluan informon, kiun ili bezonas por plikompletigi sian jarlibron kaj igi ĝin pli utila tiel por la grupoj kiel por la membroj de U. E. A.

Fine, jam en diversaj distriktoj oni esprimis la deziron, ke estu publikigita adresaro de la Delegitoj kaj esperantianoj de la distrikto. Tiuj adresaroj devus enhavi la liston de la grupoj, de la kursoj, de la kunvenoj kaj ankaŭ tre detalajn komercajn, turismajn, geografiajn, ekonomiajn kaj eĉ historiajn informojn pri la distrikto, kaj eble oni povus kunfandi ilin kun la distriktaj gvidfolioj. Memkompreneble, la Centra Kaso de U. E. A. estas tro malriĉa por pagi tiujn eldonaĵojn por la tuta mondo. Plie, ĉar ili estas provinca afero tute kiel la gvidfolioj, ili koncernas la provincajn societojn. Mi do proponas, ke la Kongreso esprimu la deziron, ke la naciaj societoj studu kun U. E. A. ĉu ne estus utile ellabori kelkajn komunajn regulojn pri formato, enhavo, kaj kune instigu la provincajn societojn ilin eldoni.

Oni permesu, ke mi faru, pri tiu afero de la jarlibroj, alian rimarkon. Pri la publikigo de la listo de niaj delegitoj, kies starigo estas unu el niaj plej komplikaj kaj elspezigaj laboroj, ni rezervas al ni ĉiujn rajtojn. Dum ni danke donos plenan permeson por la represo en la provincaj aŭ naciaj jarlibroj de la koncerna *parto* de tiu listo, ni memkompreneble devas ĝin rifuzi al *internaciaj* jarlibroj esperantistaj, redaktitaj kiel la Oficiala Jarlibro de U. E. A. kaj kostantaj ankaŭ proksimume la saman prezon kiel la kotizaĵo de U. E. A.. La enpreson de la *tuta* listo de niaj delegitoj en tiaj jarlibroj plene senvalorigus la nian kaj kaŭzus al ni gravan financan malprofiton.

⁂

Mi do esperas, ke post la supreciitaj klarigoj kaj faktoj, la naciaj societoj ne hezitos kunigi siajn penadojn kun niaj, por plenumi nian komunan, ja tre vastan programon. Por regule certigi nian kunlaboradon mi do havas la honoron fari jenajn proponojn:

Unue, la naciaj societoj aliĝu al U. E. A. laŭ speciala interkonsento. Ili antaŭ ĉio devas precizigi la sencon de tia aliĝo. Nacia societo aliĝinta al U. E. A. sin tute ne konsideros kiel filion de U. E. A. La ĉefa principo de tia aliĝo estas, ke la

## SOCIA VIVO

EKSPOZICIOJ

### Granda artekspozicio Dresden 1912

II

En la proksima granda salono ni admiras simplan, sed fortan triptikon « Golgota » de *Louis Corinth* (Berlin) kaj simpatian supraporđan « Sentenco » de *Erich Kuithan* (Wannsee) dum en la sekvantaj pli malgrandaj ĉambroj ni rigardas skizon por arta tapiŝo « Paradizĝardeno » de *M. Seliger* (Leipzig) kaj du altarpentrajojn tripartajn « Kristnasko » kaj « Pasko » de *Hans Thoma* (Karlsruhe). Altan arton ni ekkonas ankaŭ en la kartonoj por murpentrajoj de *Axel Galken Kallela* Alberja (Svedujo) kaj en ornamaj skizoj de *Walter Illner* (Dresden).

Sur la linio inter monument-ornama arto kaj galeria bildo staras « la remantoj » de *L. v. Hofmann* (Veimar) kaj la bildoj « Sur vaporŝipo » kaj « La dancmuzikistoj » de *M. Buri* (Brienz). Ni forlasas la monument-ornaman parton, trairas ĉambron kun arkitekturaj bildoj kaj estas en intimaj ĉambroj, lukse meblitaj, kiuj estas la hejmo de malgranda, tamen altvalora kolekto de « virinaj portretoj ». Jen ni salutas Madame Réjane, pentritan de *Besnard* ; jen frapas nin « La femme à la manche jaune » de *Camille Corot* ; de *Manet* ni admiras du tre verajn virinportretojn ; ĉarmega estas la « glitveturantino » de *Vigée Lebrun*. Ni vidas verkojn de *Tischbein* kaj *Anton Graff*, de *Leibe* kaj *Makart*, de *Corinth*, *Toubner* kaj *Uhde*, de *Anders Zoon* kaj *Gustav Klimt*, kaj el ĉiuj ni ekkonas, ke ili estas pentritaj kun la entuziasmo, kiun povas kaŭzi nur la virino, la plej bela kreajo de Dio !

Al du aŭstriaj artistoj estas dediĉita la proksima halo duonronda : al *Gustav Klimt* (Wien), kiu el riĉega paletro pentris belajn virinojn en multkoloraj vestoj, kaj florantajn pejzaĝojn — neniam neigante sian proprecon — kaj al *Anton Hanak* (Wien), skulptisto efektive rimarkinda en la reprezentado de l'homa korpo. Nun ni forlasas por kelka tempo la halojn, promenas iom en la parko kaj rigardas la tie starigitajn skulptajojn en ŝtono kaj bronzo ; impona estas interalie atleto de *G. Hengstenberg* (Berlin), tre ĉarma « Eos » de *Fr. Klimsch* (Charlottenburg).

Post ioma refreŝigo en la eleganta ekspozicia restoracio, kie bona orkestro ludas belan koncerton, ni ree eniras la palacon, de l'ĉefa pordego dekstren turnante nin. Ni nun estas en la salonegoj okupataj de la Dresdena artistaro ; kaj speciale nomindaj estas el la ĉi tie ekspozitaj bildoj « Praarbaro » de *Volfgang Müller*, « Germana pejzaĝo » kaj « Sur la kvina galerio en la operdomo » de *Walter Kuraŭ*, juna paro kun fruktoj de *Paul Wilhelm* kaj tre efikaj portretoj de *Osmar Schinder*, *Walter Illner* kaj *Paul Kiepling*. La granda ĉefsalono de ĉi tiu Dresdena parto estas ornamita per monumenta kameno, kies brilkoloran mantelon faris en vitra mozaiko *Joseph Goller* (Dresden).

Sed nian rigardon allogas ĉefe la grandaj, kun preskaŭ itala ĝojo je vivo kaj virina beleco faritaj bildoj de *Hans Unger*, plejparte montrantaj al ni belajn virinojn en luksa ĉirkaŭajo. Alian virinan portreton ni vidas de *F. Brod* (Loschwitz) ; *Eva Langkammer* kaj *Paul v. Schlippenbach* ĉarmas nin, metante antaŭ niaj okuloj germanajn pejzaĝojn, dum *Nœlzola* kaj *Fischer-Gudig* pentris en Svedujo kaj Nederlando.

La Dresdena Unuiĝo de Artistoj (iam nomita « Elbier ») aranĝis siajn salonojn tre simple ; des pli valoraj estas la en ili montritaj verkoj. Ekzemple la portretoj de Dresdenaj eminentuloj, de *R. Sterl*, estas majstraj ; *Fritz Beckert* donas freŝajn bildojn el la nuna Dresdeno ; *Gustav Meyer* (Buchwald) prezentas al ni portretsimile la « Princidon Karneval » kaj la pentriston *Dorsch*, de kiu mem ni vidas diversajn vive pentritajn scenojn el karnavala tempo, sed ankaŭ ĉarmajn hejmojn, ktp. *Hans Nadler* kaj *A. Wilckens* tre laŭ la vivo pentris siajn bildojn ; la laste nomita krom tio ekspozas fantazian kompozicion, « Loki ». *Cilia-Jensen* kaj *Prof. Bautzer* sendis portreton, *A. Guhsmann* memportreton tre veran, el la multaj aliaj ni citu nur kelkajn de *W. Merseburg*, *O. Hegenbach*, *W. Graf von Reichenbach* kaj *Walter Friderici*. Apartan salonon plenigis sola majstro *Gotthardt Kuehl*, kaj ĉiu el tiuj multaj bildoj denove konvinkas pri lia alta artisteco. Jen bildoj el Dresden, lia malnova amo, — la Fraŭenkirche, la nova ponto, jen ravaj internoj el preĝejoj, el malnovaj burĝaj domoj, jen grupoj de infanoj ; kaj super ĉio, lumo, suno, kiu igas brili la kolorojn, malavare uzitajn ; estas bela adiaŭo de Dresdena arto.

En la proksima ĉambro nin ĉirkaŭas verkoj de Berlinaj artistoj. Unue ŝajnas al ni, kvazaŭ malnova pentrmaniero estus hejma en Berlin ; tigro de *Paul Meyerheim*, alegorioj de

---

aliĝinto konservas sian plenan memregecon. Ĝi estas tute simila al la aliĝo de iu nacio al la Universala Poŝta Unio. Neniu volus pretendi, ke nacio aliĝinta al la Universala Poŝta Oficejo estas regata de la Internacia Poŝta Oficejo en Bern ! Ankaŭ la naciaj societoj ne aliĝus al U. E. A. kiel Esperantiaj entreprenoj : la rilatoj kiuj oficiale rezultas de tio, estus tro malgravaj, rilate al la alta signifo de la nun bezonata kunlaborado de la naciaj societoj kun U. E. A. ; plie la pago de kotizajo da 2 Sm. estus neniel proporcia kun la graveco de la aliĝantaj naciaj societo. Mi do proponas, ke ili pagu nenian kotizajon sed ke ili instigu la grupojn kaj provincajn ligojn fariĝi Esperantiaj entreprenoj aŭ Asocioj.

Due, mi redaktis mian projekton tiel, ke la fakaj societoj, eĉ politikaj, religiaj, se nur ilia celo kontraŭstaras nek la celon de U. E. A., nek naciajn leĝojn, kaj se ili ne estas filioj de aliaj jam aliĝintaj societoj, povus ankaŭ subskribi la interkonsenton. Tiel ni devus forigi el la Statuto la § 30 kaj 31, kiuj respondas al neniu realajo.

Fine mi redaktis mian projekton kiel eble plej simple. Pro la principo de memregeco kaj por simpligi, mi opinias, ke, almenaŭ en la komenco, la aliĝintaj societoj devas elekti po unu reprezentanto (ekz. la prezidanton aŭ la sekretarion), kaj ke tiu reprezentanto devas havi unu voĉon, tute egale, kiu ajn estas la graveco de la Societo, kiun li reprezentos. La aliĝintaj societoj elektu sian reprezentanton kiel plaĉos al ili, kaj por la daŭro, kiun ili volos. Nur la Komitato de la societo devos sendi al U. E. A. oficialan protokolon de la elekto de sia reprezentanto.

Ankoraŭ pro la principo de memregeco, kaj ĉar oni devas starigi neniun sankcion kontraŭ la societoj, kiuj agus kontraŭ la decidoj de la plimulto, estas preferinde lasi la aliĝintajn societojn tute liberaj konformiĝi aŭ ne al tiuj decidoj. Nur oni publikigos por ĉiuj decidoj la nomojn de tiuj, kiuj akceptas agi laŭ la decidoj kaj de tiuj, kiuj rifuzas.

Se post spertado, oni vidos la utilon ŝanĝi tiun tre liberalan interkonsenton, tio estos facila laŭ la lasta § de mia projekto.

Laŭ la supraj principoj, mi opinias, ke povos esti starigata praktika fruktodona kunlaborado inter U. E. A. kaj la ceteraj esperantistaj societoj.

Th. ROUSSEAU,
*Vicprezidanto de U. E. A.*

*R. Schuster-Woldan* ŝajnas similaj al klasikaj majstroj. Sed aliaj bildoj pruvas, ke ankaŭ ĉe la bordo de Spree vivas bona moderna arto ; jen la vestiblo de Berlina metropol-teatro. de *M. Schlichting* ; jen ĉarma sceno « Antaŭludo » de *A. Mohrbütter* ; *A. Kampf* montras inpresan portreton de apud maro staranta junulino, nomita « Sopiro » ; *Schad-Rossa* studis en Hispanujo kaj ekspozas nun vivplenajn scenojn el hispana popola vivado. *Schülte im Hofe* kaj *Fenner-Behmer* altiras al si per belaj portretfiguroj meritităn atenton.

De Berlin el München ĉi tie nur unu paŝo — ni staras en la intimaj salonoj de la Munĥena artistaro kaj admiras unue belajn portretojn de *Walter Firle* kaj *Polocki*; italajn pejzaĝojn ni vidas de *Hermann Urtan*; *R. Müller* bone observis la movadon de l'vira korpo kaj sukcese uzis siajn studojn en la granda bildo « Ripozantaj soldatoj ». Infanportretojn sendis *Georg Schuster-Woldan* kaj *Papperitz*; *Aütengrüber* sin konatigas al ni en freŝa memportreto. En fantazian sorĉan ĝardenon kondukas nin *C. von Marr*, de kiu similan kompozicion « Lux in tenebris » ni ankaŭ vidas.

En la ĉambrejo por Düsseldorf ni speciale atentu olean pentrajon de *Augermeyer* « La blanka hundo » dum el la multaj bonaj pejzaĝoj sin trovantaj en ĉi tiu salono apartan citon meritas « La suno kuŝiĝanta apud Hochmipl » de *Jungkanns*.

En apuda nigra-blanka salonego ekspozas la « Germana artistaro Nord-okcidenta », en kies societo troviĝas ankaŭ diversaj sudgermanoj. *Otto Modersohn* (Fischerbûde-Bremen) eble plej trafe reprezentas la karakteron de Nord-okcidenta Germanujo ; al li similas *Hans Feddersen* (Niebull), de kiu ni krom portretoj rimarkas « Vintran bildon el Friesland ». *D-ro L. Dettmann* (Kœnigsberg) vivece pentris « Knabinojn el Frieslando », dum *A. Illies* (Hamburg) igas nin observi la neniam ripozantan vivadon de Hamburga komerca urbparto. En malvarma, norda maniero gvidas nin en fantazian landon de « sonĝo » *Heinrich Vogeler*.

Alian salonon ni eniras — ree Munĥena aero ĉirkaŭflirtas nin : portretoj, kiajn nur *Leo Samberger* povas pentri, arbarpejzaĝoj de *Richard Pietsch*, bildoj el la stratoj de la ĝoja Isar-urbo kaj de ĝia oktobra festo, de *Lichtenberger*, *Schramm* (Zittau) kaj *Trus Stadler*. bavaraj vilaĝoj de *Crodel*, *Lamm* kaj *C. Picpko* — ĉu München efektive ne estas arturbo « par excellence ». ?

Sed ankaŭ en Karlsruhe floras la artoj. *Heinrich Altherr* prezentiĝas malgraŭ la malgrandaj formatoj en monumenta stilo ; *A. Haueisen* bone efikas per siaj mult kaj fortkoloraj toloj en « makulpentradmaniero ». El la marĉoj prenis *L. Dill* la temojn por siaj pejzaĝpentrajoj ; *W. Conz* gvidas nin en malnovan ĝardenon, dum *R. Hellwog* eĉ en la palacĝardenon de Versailles igas nin rigardi ; *Hans Thoma*, la majstro de de Karlsruhe, sendis pejzaĝon el la «Schwarzwald » de 1878, kaj tre fidelan memportreton.

El la bele aranĝita ekspozicio de Stuttgart ni citu nur *Chr. Landenberger* kun sia « Nuda knabo apud Ammerlago ĉe vespero », kaj *A. Schmidt*, kies bildo « Somero » estas modela rilate al enhavo kaj esprimo. El la artistoj de Kœnigsberg nin altiras ĉefe *Otto Heichert*, kiu, ankoraŭ freŝa maljunulo, montras sin kun sia bela juna edzino en edzeca feliĉo. Ĉarme konstrastas la vizaĝoj juna kaj maljuna, ambaŭ plibeligataj de amo.

En la salonoj de la Berlina « Sécession » pruviĝas vigla vivo. *Louis Corinth* brilas kun fortega flagportisto ; *Max Lichermann* donas malnovan, 1875 pentritan « terpom-kampon » kaj pli novan « porkfoirejon » ; *Dora Hitz* uzis preskaŭ viran forton en sia « ĉerizrikolto », dum *Oskar Krüse* (Lietzenburg) kun delikateco redonis la kontraston inter la antaŭurba vesperiĝo kaj la grandurba elektra lumo en sia Primerose Hill London.

La finon de la longa vico de bildsalonoj ni atingas en la du ĉambroj de Aŭstrio. De *C. Mall* (Wien), ni rimarkas ĉarman herbejon en vespera sunlumo ; *Koloman Moser* (Wien), pentris altajn tegmentojn ; *Graf Maedling* bone trafis la impreson de « Naĝejo en arbaro » — oni mem preskaŭ refreŝiĝas en rigardado al tiu bildo ! *Nuchentaller* kaj *Epstein* sendis ravajn virinajn portretojn, dum *Uastimid Hofman* (Krakow), en simpla afableco pentris sian « Madona Grandiosa ». Pro la materialo ni ankaŭ atente rigardu la emajl-bildetojn de *R. Kalvach* (Wien), malgraŭ ilia malgrandeco veraj majstro-verkoj.

Se mi nun ankoraŭ gvidas vin en la riĉe meblitan salonon, kiun okupas la « artmetio » kaj kie vi speciale admiras la belegajn porcelanajojn de *Meipen* (Berlin) Nymphenburg, al kiuj inde aliĝas la fabrikajoj de la « Schwarzburger Werkstatten » en Untereneipbach, ni ankoraŭ bezonas nur trairi helkajn ĉambrojn plenajn de grafikaj verkoj, riĉe senditaj el ĉiuj landoj, kiuj partoprenas la ekspozicion, — kaj vi vidis ĉion, kion oni nun montras en Dresdena ekspozicia palaco.

Mi esperas, ke ĉi tiu imaga rondirado plaĉis al vi kaj, kiel mi diris en la komenco, inklinigos vin veni Dresdenon por persone rondiri. Kiel dirite, mi gvidos vin ! Ĝis la revido !

J. Karsch, *Del. Dresden.*

## La Turisma Ekspozicio en Stuttgart

Ĝi certe ne estas granda en vastaj haloj, tamen tre interesa, jam la bela katalogo kun ĝiaj kolorpresitaj ilustrajoj vidigas, ke Virtembergo estas bela alloga lando. La katalogo estas daŭre valora, ĉar ĝi enhavas multajn artikolojn el kompetentuloj pri la diversaj fakoj traktitaj ekz. : Ŝvabujo kaj la Ŝvaboj. La plej belaj aspektejoj en Ŝvabujo ; la kavernoj en la Ŝvaba Alb (1) ; la ŝvabaj popolkostumoj ; plie artikoloj pri industrio, arto, artmetio, pri la kolektoj (antikvajaj, naturajaj), ktp. Ne estas forgesitaj la vino, la biero kaj la kuirejo de Ŝvabujo.

En la ekspozicio mem multaj komunumoj kaj kelkaj unuiĝoj, precipe turistaj, ekspozis dioramojn, pentrajojn, fotografajojn aŭ modelojn pri la belajoj aŭ interesajoj de sia regiono. *Ulm*, la malnova urbo, ekz. montris interalie ĉambron laŭ mezepoka stilo kiun okupas juna Ulmanino ; apude oni vidas modelojn de placo ĉirkaŭita de malnovaj parte famaj domoj, plie : modelo de l'turo de la Ulma katedralo, kiu ja estas la plej alta preĝeja turo en Eŭropo. *Heilbronn*, la komercista urbo apud la Neckar rivero, kie oni gajnas salon kaj fabrikas mondekonatajn arĝentajojn, montras interalie specimenojn el ambaŭ ; inter la diversaj dioramoj mi citu tiun de la ĉefurbo Stutgarto mem, plie la aspekton el elektre lumigata kaverno kun tofŝtonoj kaj stalaktitoj al la kastelo *Lichtenstein* (Liĥtenŝtejn) kiu alte tronas sur roko disigita per rokfendo de la platajo de la *Alb*. La plej rava el la dioramoj vidiĝas aspekton al la *Bodensee* (ankaŭ nomata Ŝvaba Maro). Post granda elipsa kadro oni vidas kvazaŭ mura aperturo fruktarbojn riĉe florantajn — artefaritaj estas la floroj — kaj malantaŭe, sur la pentrajo, oni vidas en la antaŭajo samajn florantajn arbojn ; dise lokite ĉarmaj dometoj, poste la lago kaj malproksime la pintoj, parte neĝportaj, de l'Alpoj, ĉio en printempa sunbrilo, oni vere povus imagi, ke oni ne estas en ekspozicio sed en tiu bela regiono. Ha, kiel oni revas pri bano aŭ ŝipveturo sur la lago aŭ pri transveturo sur vaporŝipo, por suprenrampi la montegojn, la Sentis-on aŭ unu lian kunulon, kiuj logas malproksime al siaj gajaj suproj.

Certe modelo de Zeppelin-a aerŝipo ne devas manki en la ekspozicio kaj — rimarkinda koincido — ĝuste apud la aerŝipo troviĝas la Esperanto-ekspozicio : apud la veturilo por korpoj la veturilo por spirito kaj ideoj !

Por nia ekspozo ni ne povis akiri lokon ĉambre apartig-

(1) Alb aŭ « Jura » estas nomo de kalkŝtona montaro en Virtembergo.

itan, ni havas nur stablon kun la mezuroj 160 : 140 centimetroj. La du longaflankoj limas deklivajn tabulojn inter kiuj en la mezo de la stablo altiĝas vando kun suraj landkartoj, statistikaj tabeloj, poŝtkartoj ricevitaj el ĉiuj kvin kontinentoj, plie kolekto de la Mœller-Borela biblioteko kiu montras ke jam la literaturoj de multaj popoloj malfermiĝis al Esperanto. Ankaŭ la Ĉefeĉaj ŝlosiloj paradas unu apud la alia kaj donas bonan okazon klarigi al la vizitantoj la facilan kompreneblon de nia lingvo. La landkartoj montras : 1) Germanujon kun ĉiuj lokoj havantaj grupojn ; 2) Eŭropon kun la lokoj kie estas delegitoj de U. E. A. La statistikaj tabeloj vidigas grafike ; 1) la kreskadon de la nombro de l'Esperanto-grupoj ; 2) la landojn kiuj enhavas grupojn kaj la kreskadon de ties nombro ; 3) kaj 4) tabelojn rilate al la progresoj de U. E. A.

Sur la deklivaj tabuloj estas videblaj diverspecaj presaĵoj de U. E. A. kune kun specimenoj pri apliko de l'Mono-a formato, dua kvarono de tiu parto estas dediĉata al Esperantujo en Germanlando, gvidfolioj, inter ili nia tute nova pri Stutgarto, gvidlibretoj kc. Alia kvarono estas dediĉita al Francujo, Belgujo kaj Nederlando ; la lasta kvarono estas pri la ceteraj landoj. Ĉe la malgrandaflankoj estas lokoj por propagandiloj forpreneblaj aŭ kajero por enskribo, je ĉenoj pendas gazetoj, libretoj por informigo. La ofte ĉeestanta reprezentanto de la grupo elmetas vendotaĵojn, kaj mapojn li montras pri gazetoj kaj katalogoj, reklamiloj, ktp. same diversaĵn literaturaĵojn ekz. la luksan Dürer-libron, afable prunte donitan de la eldonejo.

Diversaĵn el la gvidlibroj, ktp. parte donacis, parte pruntis la oficejo de U. E. A, al kiu mi vere dankas.

Entute, kvankam la deziro al esperantaĵoj, precipe gramatikoj, ne estas multa, ni tamen semis kaj semos multajn semerojn por nia lingvo. Ankaŭ la reĝo kaj poste la reĝino de Virtembergo atentis nian ekspozon, same grafo Zeppelin, kiu cetere diris al mi, ke li ne plu bezonas Esperanton ĉar li ne plu vojaĝos tiel malproksimen por bezoni internacian lingvon.

P. Christaller (Stuttgart).

TERKULTURO

## Terkulturo kaj Manlaboro en Sud-Okcidenta Francujo

Post la mortiĝo de l'vinberaro (1875-1880) multe da regionaj kamparanoj foriris Amerikon. Tamen ili restis ankoraŭ tro multaj ĉar la prezo de manlaboro malpli altiĝis dum pluraj jaroj ; sed iom post iom, per greftadoj de Francaj vinberbranĉoj sur trunketoj amerikaj kiuj ne estas difekteblaj de filoksero, la vinberaro renaskiĝis samtempe kun la kampara laborado.

Tiam, komenciĝis kultura periodo, kiu daŭrisproksimume ĝis 1907. De tiu momento, industria antaŭpuŝo, preskaŭ ĝenerala en la tuta mondo, starigas fabrikejojn ĉe ĉiuj flankoj de nia lando kie, ĝis tiam, ili estis nur malmultaj. Tio, kaj la formigrado al la grandaj urboj, kies allogoj pli kaj pli altiras la gejunularon, maloftigis la manlaboron. Salajroj laŭmezure kreskis.

De nun la demando estas grava. Eĉ pagante altprezon oni malfacile trovas laboristojn, kiam someraj laboroj postulas, ke oni rapidu. Bienuloj kaj farmistoj, kiuj havas ankoraŭ iom da hararo, ĝin elŝiras pro malespero.

Sinjorinoj ne tiel agas, ĉar ilia hararo estas tro grandvalora, kaj la kombistoj tro postulemaj ; sed, en la salonoj, kie okazas virinaj kunvenoj, la konversacio, rapida kaj brutega kiel en papagaro, ĉiam rilatas ĉu je tualetaj aferoj ĉu... je la malfacileco dungi bonajn servistinojn.

Dungi terkurlurajn geservistojn ne estas pli facile, en nia bela regiono, kvankam, tie-ĉi kreskas, samtempe, nordaj kaj sudaj produktaĵoj : pano kaj vino, herbaroj kiuj fariĝos viando, kaj la mondfamaj Perigordaj trufoj.

Ĝis nun, ekster la senpera servista dungado oni multfoje farmdonis laŭ speciala maniero : Anstataŭ pagi luprezon per mono, la farmisto kaj la bienulo, inter si, dividas la rikolton kaj bestaran profiton.

Ĉar oni dividas tiun profiton, kompreneble oni ne dividas la parton da rikolto, kiu estas konsumota de l'bestaro. La posedanto devas *liveri* senpage la necesajn kulturajn ilojn, konstruaĵojn, kaj dometon por loĝigi la familion de l'farmisto. Impostoj kaj riparaĵoj de ilaro estas pagataj duone. Tamen, ho ve ! en multe da lokoj la gefarmistoj fariĝas soldaj, la tuta idaro formigris urbon aŭ en la grandajn industriajn fabrikejojn. Kio okazos kun la bienoj post la morto de l'gemaljunuloj, se ne sanĝos la moroj ?

El la foririntoj tiuj, kiuj sukcesis konatiĝi kun la feino Riĉeco revenas iafoje sin montri en la vilaĝo, kapvestataj per cilindra ĉapelo. Tiuj kiuj sukcesis nur dormi sub la pontaj arkaĵoj ne revenas por sin publike glorigi. Fraŭlinoj ankaŭ multe ŝatas montri al la kamparaj amikinetoj, ĉapelon larĝan kiel pluvombrelo kaj piedligilaj — preskaŭ gluantaj — roboj, kiuj altiras la atenton. Ĝenerale, ili ne estas kompatindaj, ĉar ili gajnas facile monon, se ili estas laboremaj, kiel kuiristinoj au ĉambristinoj, se ili estas mallaboremaj, sed belaj, la monskatolo kreskas ankoraŭ pli rapide, ĉar virto estas ĉiam rekompencata...

Oni kontraŭbatalas la kamparan elmigradon, pli malpli bone per la kultura maŝinaro. De kvar jaroj oni aĉetis, ekzemple, maŝinfalĉilojn pli multnombre ol en la tuta antaŭa centjaro.

Tamen « Brakoj » daŭras manki.

Ĉu do oni devas malesperi ? Tute ne, laŭ mia vidpunkto. Tio estas krizo, verdire grava, sed ne eterna.

La prezo de « l'vivo » tiel grandiĝas en la urboj ke nur riĉuloj..... aŭ kamparanoj kontentigos sian malsaton.

Aliparte gravegaj nacioj, kiel ekzemple Usono, kiuj antaŭ ne longe akceptis grandan kvanton da elmigrantoj, de nun mem preskaŭ sufiĉas por kreskigi kaj konsumi ĝian rikolton (1).

La loĝantaro en Rusujo ankaŭ kreskas rapidege po 500.000 jare. Preskaŭ same oni povas diri pri Germanujo.

Rapide venas la tempo kiam la elmigrantoj de Hispanujo, Italujo, ktp., kiuj antaŭe iris Amerikon, trovos, pli proksime, profitan okupadon. Tio ebeniĝos, pro la teorio de l' « Komunikantaj vazoj ».

Antaŭ nelonge la *Centra Kultura Sindikato*, en Parizo provis ordigi enmigradon de Polaj laboristoj. La afero sukcesis en Norda Francujo. Kvankam, iafoje, kelkaj trinkemas, multaj el ili bone laboras. Sed la ĉefa malhelpo estas, ke ili konsideras malinde je viro, melki la bovinojn. Ĉiu popolo rigardas la « honoran punkton » per specialaj okuloj !

Hispanoj kaj Italoj, pli bone taŭgas — pro la klimato — por suda vinbera regiono, atendante ĝis Hinujo kaj Japanujo surverŝos al ni la troegon de sia laborista loĝantaro.

Je tiu vidpunkto de la laboristaj aŭ komercaj intersanĝoj, iam Esperanto, per U. E. A., povos ludi gravegan rolon se nur ĝi estos iom helpata de la regnaj potencoj.

M. Fleury de la Ruelle, (Del. Terrasson).

(1) Elporto de Usono malpliiĝas ĉiujare.

## El polaj kolonioj en Parana (1)

II

Post alveno al sia terpeco (oni nomas ĝin *loto* aŭ *ŝakro* (2) la koloniisto estas plena je espero. Kompreneble la hieraŭa malriĉulo estas nun civitano, posedanta 25 hektarojn da tero, ordinare da seninterrompa arbaro, kaj la grundo, kiel oni diras, estas bonega, naskos eĉ rizon kaj oranĝojn. Tia opinio cetere tute iluzia, sekvas de tio, ke la koloniisto konservas sian antaŭan vidpunkton rilate al la propra bieneto, sed efektive la ricevita de li tero valoras tre malmulte: la regno pagis ĝin po 10 milrejsoj (11.21 Sm.) por hektaro, jen tiu, laŭ la opinio de l'koloniisto, ŝanĝego de lia bonstato igas lin tre favora al ĉio, kion li trovas en la nova patrujo. Mirinde rapide ĉi tiu natura konservativulo, la pola kamparano, adaptiĝas al ĉi-tieaj kondiĉoj. Sufiĉas diri, ke li baldaŭ malmemoras la fastojn, en Brazilio entute ne obeatajn. Li do, antaŭ ĉio, rezignas preskaŭ tute terpomojn, konsumitajn tiel abunde en la patrolando ; plue, li malmemoras lakton, teon, pizon k. t. p. anstataŭe lin kontentigas la fundamentaj braziliaj nutrajoj : nigra fazeolo, maizo kaj « *herva mate* ». Plie li forlasas la eŭropan sistemon de terkulturado : strekadon kaj malfirmigadon de grundo antaŭ la semado ; anstataŭ tio li aplikas la sistemon brazilian : periodan forbruligadon de arboj kaj herboj sur apartaj terpartetoj kaj semadon kaj plantadon, sen antaŭa malfirmigo, per helpo de pioĉo kaj paliseto. Fine li tute ŝanĝas sian sistemon de domkonstruado, imitante la koloniajn konstruaĵojn de la regna komitato. La polan vilaĝomon oni renkontas ĉi tie tre malofte, ĝi malaperas preskaŭ tute kune kun la vestoj, ornamoj, kantoj, diversaj kutimoj kaj ceremoniaĵoj, kiuj formis la malnovan kulturon de la koloniisto, forlasatan por la brazilia kulturo. Kion el ĝi propriĝas al si nia koloniisto ? Se, alveninte Paranon, li renkontus ĉi tie pli altan, kvankam fremdan, kulturon similе kiel okazas ekzemple en Usono k. a. ĉi tio influus lin tre bone. Bedaŭrinde, tio, kion li renkontas, povas inokuli al li nenion bonan. Nek la brazilia, nek la pola inteligentularo interesiĝas pri la enmigranto aŭ interesiĝas nur por elprofitigi lin. Influas lin sole la brazilia popolo, tiel nomataj « kabokloj » (*caboclos*), kiujn li konscia aŭ senkonscia imitas pri la terkulturado, vestoj, portado de tranĉiloj kaj pafarmiloj k. t. p. Sed la brazilia sistemo de terkulturado, kvankam alkonformigita al ĉi-tieaj kondiĉoj (ĝi estas plej profitiga por minimumo da laboro), estas treege primitiva, postulas pli grandajn terspacojn kaj monon por aĉeti brutojn. Nia koloniisto, prenante ĉi tiun sistemon, kiel modelon, faras eraron, kiu baldaŭ detruas lian ekonomian ekvilibron kaj devigas lin forlasi la avide deziritan teron aŭ almenaŭ serĉi flanke profitodonan laboron. Tre disvastigita ĝuado de drinkaĵoj kaj reganta inter la *kabokloj* analfabetismo des pli malaltigas la moralan nivelon de l'enmigrantoj. Ili nur unu kutimon konservis ĝis nun kaj eĉ inokulis ĉi tie : la kulturadon de l'sekalo kaj konsumadon de la sekala pano. Tamen oni devas konfesi, ke la Parana klimato kaj grundo taŭgas por la sekalo ; kontraŭe, la tritiko kaj hordeo donadas rikoltojn nebonajn kaj tio montras, ke la ĉi tiea grundo tute ne estas tiel fruktodona, kiel oni opinias. Ni aldonu senĉesajn invadojn jen de ratoj, jen akridaroj, abundecon de musoj, de formikoj kaj aliaj insektoj, detruantaj la rikoltojn, kiuj kaŭze de la primitiva mastrumado ne povas esti vastaj. Sekve de ĉio tio ĉi la entuziasmo de enmigranto iom post iom degelas, fine li akiras la konvinkon, ke la ŝakro ne povas plennutri lin kaj ke, por vivi, li devas serĉi paglaboron.

La koloniiga komitato faras kelke da eraroj, kiuj venĝas tutan ĝian kolonian politikon. Ĉi tiuj eraroj devigas svisojn, nederlandanojn, germanojn forlasadi Brazilion, kaj la polan kamparanon, en kies tradicio estas migradi por laborserĉado, puŝas serĉi taglaboron iafoje je malproksimeco de kelkcent kilometroj. La terpecoj, kiujn disdonadas la komitato, estus tute sufiĉaj, se la grundo estus kulturita kiel en Eŭropo, sed ĉi tie ili estas ne sufiĉaj. En la arbaro mankas kampoj por nutri la homon, mankas herbejoj por nutri la bruton kaj la terkulturon oni povas enkonduki nur malrapide kaj longatempe oni devas mastrumadi primitive, t. e. bredi la brutojn kaj « forbruligadi » la kampetojn. Anstataŭ zorgi, ke en ĉiu terpeco estu nepre kulturebla parto, la komitato tute ne interesiĝas pri kvalito de la grundo, sed simple tranĉas la tersurfacon je samspecaj pecoj indiferente, ĉu ili estas fruktodonaj aŭ maltaŭgaj. Neniu ankaŭ donas al la koloniisto indikojn, kiel li devas mastrumadi. La eksperimentaj kampoj leĝe fonditaj funkcias nur sur la papero.

La Brazilia registaro ĉe la polaj kolonioj fondas lernejojn ne polajn, kiel oni devus atendi, sed braziliajn, el kiuj pola lingvo estas forigita ; ĝia uzado estas malpermesita eĉ por klarigoj. Ĉi tiuj lernejoj estas provizitaj tre bone kaj la instruisto ricevas ordinare loĝejon kaj pli ol po 200 milr. ĉiumonate. Ekzistas ankaŭ privataj polaj lernejoj, fonditaj kaj subtenataj de la koloniistoj mem, sed ili estas nek bonaj nek sufiĉe multnombraj pro manko de rimedoj kaj specialistaj instruistoj.

(*Daŭrigota.*) T. Chrostowski.

Trad. J. Chawkowski (Del. Novo Minsk.)

(1) Vidu *Esperanto* de 20 majo.

(2) Portugale : " lothe " kaj chakara, legu " lote "kaj " ŝakara ".

---

IDEOJ & FAKTOJ

## La aplikoj de la senfadena telegrafado

III

Alia interesa apliko (1) de la senfadena telegrafado al la transportindustrioj estis la kreo de surŝipa gazeto, entreprenita je 1909 de la asociitaj Kompanioj Marconi. Tiu gazeto aperas ĉiutage sur 51 ŝipoj apartenantaj al ok grandaj navigadaj kompanioj, kiuj havas rapidajn kaj regulajn servojn inter Eŭropo, Ameriko kaj Afriko. Ĝi havas diversajn nomojn laŭ la nacieco de la ŝipoj, sur kiuj ĝi aperas kaj laŭ la vojaĝoj, kiujn ili plenumas. La *Journal de l'Atlantique* de la sep ŝipoj de la Ĝenerala Kompanio Transatlantika (Hâvre-Nord-Ameriko) kaj de la tri rapidŝipoj de la belga markompanio de Kongolando (Antverpeno-Matadi) fariĝas *The Atlantic Daily News* sur la ses ŝipoj de la Holland-America Line kaj la kvar ŝipoj de la Scandinavian-American Line (Kopenhag-New-York). La dek-kvar rapidŝipoj de la Hamburg-America Linie por la nord amerikaj linioj publikigas *Das Atlantische Tageblatt*, transformatan en *Diaro de l'Atlantico* sur la tri sud-amerikaj ŝipoj, kaj sur tri aliaj de la nederlanda Lloyd el Amsterdam. La Royal Mail Steam Packet Company rezervas al si *The South Atlantic Gazette* por kvin ŝipoj de la linioj Anglujo-Rio de la Plata. Fine, la White Star Line jus traktis kun la kompanioj Marconi por la publikigo de *The Ocean Times* sur sep el ĝiaj ĉefaj ŝipoj, inter kiuj la *Olympic*, l'*Adriatic* kaj la *Baltic*.

Tiuj gazetoj prezentiĝas en la formo de ilustrita revuo de dekduo da paĝoj kun diversaj artikoloj en angla, franca, germana kaj hispana lingvoj ; la paĝoj en la mezo restas blankaj. Ĉio estas periode presata en Lille, kaj la tiel preparitaj numeroj estas ekspedataj al la administracioj de la koncernaj navigadaj kompanioj, kiuj dispartigas ilin inter la diversaj ŝipoj laŭ la nombro de la pasaĝeroj, tiel ke ĉe ia iro kaj reveno ĉiu ŝipo povas publikigi unu eldonon tage.

(1) Vidu *Esperanto* N-oj 124 kaj 126.

Ĉiuvespere, ĉirkaŭ la dudeka horo, la Associated Press de New-York kaj la Marconi's Wireless Telegraph Company de Londono radiotelegrafas al Cap Cod kaj Poldhu kvarcentvortan komunikajon, kiu resumas la politikajn, financajn kaj sportajn novaĵojn de la tago ; la antenoj de tiuj potencaj postenoj siavice elradiigas siajn grandegajn ondojn, kiuj transflugante la Atlantikajn vastaĵojn movas la tre sentemajn akceptilojn de la ŝipoj, kaj dank'al ilia pereco la telefonajn ricevaparatojn, kies vibraj platoj transformas en sonondojn la variojn de la elektra fluo.

La telegrafisto, kun stilografo en la mano, transskribas en Morse'an alfabeton la ricevitajn signalojn, kiuj poste estas tradukataj en klaran lingvon. Tiu traduko estas maŝinkopiata kaj transdonata al la ŝipa presisto, kiu kompostas ĝin. Post tiu laboro li funkciigas la presmaŝinojn... kaj je la morgaŭa mateno, la pasaĝeroj, alvenante sur la ferdeko aŭ en la matenmanĝejo, trovas la gazeton, kaj je pli ol mil kilometroj de la tero, povas komentarii la okazintaĵojn de la antaŭa tago en tuta mondo. Ĉu tio ne estas mirinda ?

Tiu gazetara servo, unika en la mondo, estas direktata kaj alcentrigata de la belga kompanio de senfadena telegrafado en Bruselo. Per tiu societo sep dek ŝipoj de la Red Star Line, Stoomvaart Maatschappij Nederland, Rotterdamsche Lloyd, Nederlanda Royal Lloyd, aŭstria Lloyd, Empreza Nacional de Navegaçao de Lisbono, k. t p., estis provizitaj je radiotelegrafaj stacioj laŭ la sistemo Marconi.

Tiom da mirindaĵoj permesas al la homoj vidi en la Hertz'aj ondoj ion alian ol simpla tuja komunikilo de la penso kaj eĉ de la parolo ; ilia analogio kun aliaj sonondoj kaj precipe kun la lumondoj, kiuj ankoraŭ kaŝas tiom da sekretoj, starigas novajn problemojn, kiujn eĉ la fruktodona imago de la plej lertaj romanverkistoj ne povis respondi... La televidado, la artefarita taglumo liberigonta la homon je la noktaj angoroj, la modifo kaj la forigo de certaj atmosferaj malordoj kiel la nebulo kaj la pluvo, eĉ eble la vento, la telemekaniko kaj ĝiaj eksterordinaraj aplikoj, estos certe iam realigataj. La homo fariĝos absoluta mastro de fenomenoj, kiujn li ĝis nun konsideris nur kiel pasiva atestanto.

V. Soyer, Trad. A. R.

## NOTOJ

∴ *Leipzig kaj ĝiaj Internaciaj Ekspozicioj kaj kongresoj (1913-1914).* — Dum 1913 kaj 1914 okazos en Leipzig du gravaj internaciaj ekspozicioj : internacia ekspozicio de konstruarto 1913 kaj internacia ekspozicio de grafiko kaj librokomerco 1914, multaj kongresoj kaj festoj. Sendube multaj Esperantistoj vizitos nian urbon dum tiu tempo kaj pro tio ŝajnas esti necesege informi la vizitontojn pri ĉiuj tiurilataj okazontaĵoj. Mi publikigos do sub la citita titolo de tempo al tempo kun la afabla helpo de la esperanta gazetaro koncernajn novaĵojn, kiujn mi petas akcepti kaj laŭpove diskonigi. Jam nun mi rimarkas aparte, ke la ĉi tiea Samideanaro celas eldoni por la gravaj jaroj ilustritan gvidlibron, Esperante verkitan. La gvidlibro estu nova pruvo de la praktika uzo de Esperanto kaj varbu inter la skeptikularo ! Vi ĉiuj estimataj gesamideanoj estas petataj kunhelpi je tiu ĉi sukceso, treege necesa kaj nome por nia internacia foir kaj libro-urbo, Leipzig. Varbu kune kun ni anoncojn por la gvidlibro (kondiĉojn ricevos de la Germana Esperanto Librejo. Leipzig, Sternwartenstrasse 40) kaj aĉetu ĝin jam antaŭmendante por montri per ĝi al via komercistaro la progreson kaj utilon de nia kara lingvo.

∴ *La internacia ekspozicio por konstruarto.* — Nia moderna evolucio celas elpreni el nia industria kaj ekonomia vivo certajn sferojn por pritrakti ilin aparte en specialaj mondekspozicioj. La unua tia ekspozicio estis la internacia Higiena Ekspozicio-Dresden 1911. Ĝi havas ne nur idealan sed ankaŭ grandan materian sukceson, kio estas vere maloftaĵo en la historio de la ekspozicioj. Tio estas bona pruvo por tio ke la vojo, por specialaj mondekspozicioj ne estas nur irebla sed kontraŭe necesega !

El tio rezultas la ideo aranĝi en Leipzig, kie oni nun finkonstruas la plej grandan stacidomon de la mondo, mondekspozicion por konstruarto. Ĝi pruvu unue kaj plenege por la tuta mondo la grandegajn progresojn kiuj estas farataj je tiu teritorio. La ekspozicio troviĝos sub la protektado de lia moŝto la reĝo de Saksujo kaj renkontas ĉie la plej grandan intereson kaj plej viglan akcelon, nome de la saksa ŝtato. La urbestraro de Leipzig disponigis senpage teritorion, kiu superas per sia amplekso tiun de la ekspozicioj en Bruxelles kaj Dresden ! Eminentuloj kaj korporacioj de la fakoj scienco kaj arto, famaj reprezentantoj de la konstruindustrio kunlaboras je la sukceso de tiu grandioza entrepreno.

La ekspozicia teritorio troviĝas je la sudorienta periferio de la malnova urbo Leipzig ; de ĝi oni ĝuos belegan vidon sur la pli malsuprekuŝantan urbon. Je la fundo de la ekspozicio ekleviĝas la grandioza monumenta konstruaĵo, la monumento de la popolbatalo de 1813, alta 100 metrojn.

La vizitontoj de ekspozicio estos grandnombraj jam pro tiuj eksteraj kaŭzoj. Plue oni kalkulu ankoraŭ la homamason kiu ĉiujare venas al Leipzig viziti la foirojn, la sennombrajn vizitantojn okaze de la inaŭguro de la monumento de la popolbatalo 1813. Fine sennombra estos la aro de la fakuloj, kiuj vizitos la ekspoziciurbon. Laste mi citu ankoraŭ la multajn kongresojn, la ĝeneralan germanan feston de Gimnastiko, k. t. p., kiuj ĉiuj helpos plialtigi la nombron de la vizitontoj (1). — Kotz, Leipzig.

(Daŭrigota).

∴ *Leĝo pri la 10-hora labortago en Francujo.* — La franca parlamento diskutadis leĝon, kiu celas enkonduki la 10-horan labortagon por la tuta franca industrio. Jam en 1907 oni proponis tion en la parlamento kio kaŭzis multe da konstraŭstaro.

Ankoraŭ hodiaŭ oni postulas de unu flanko, ke la industriĉefoj enketu ĉiam denove, por difini la eblajn konsekvencojn de la leĝo rilate al la konkurenceblo de la franca industrio kontraŭ eksterlando. Tamen ŝajnas, ke la plimulto de la parlamento intencas akcepti la proponon de la parlamentano Godart, kiu faris la raporton kaj kiel finan konkludon konsilas la enkondukon de tia leĝo. Kvazaŭa antaŭlaboro jam estas finita, ĉar en la nuna leĝaro estas fiksite, ke virinoj, infanoj kaj ankaŭ familipatroj havas kiel maksimumon la labortempon de 10 horoj potage.

Estas unu el la profitoj de la nove proponita leĝo, ke ĝi forigas la neegalecon, kiu ĝis nun ekzistis, inter la viraj laboristoj. La maldekstra flanko de la parlamento ne estas tute kontenta kun la leĝo. Ĝi ŝajnas al ĝi nesufiĉa, ĉar ĝi deziras la 9 aŭ 8 horan labortagon. Godart raportas, ke la plimulto de la laborkomisiono fakte havas la saman opinion, sed ke por la nuna momento la difino de la 10-hora labortago jam estas progreso kaj la unua necesa paŝo, kiun povas pli poste sekvi aliaj.

Samtempe kun ĉi tiu leĝo oni pritraktas leĝon, kiu celas limigi la labortagon je 8 horoj por tiuj laboristoj, kiuj laboras sub la tero por la minoj. — El « Dokumentoj de la Progreso », trad. Fr. Fl.

## AL NIAJ LEGANTOJ

**Pro la Krakovaj Kongresoj la venonta numero de ESPERANTO aperos nur la kvinan de Septembro. Ĝi enhavos plenan raporton pri la Oka Esperantista Kongreso kaj pri la Tria Kongreso de U. E. A.**

(1) Por ĉiuj koncernaj demandoj oni bonvolu sin turni al la Delegito de U. E. A. en Leipzig ; Bernhard Kotz, Rathausstrasse, 52 II.

La gvidlibro havos la amplekson de 64 paĝoj kun ekskluziva Esperanto teksto kaj kostos po 1 Sm. 0.20 (2 respondkuponoj) po 10 Sm., 1.50 ; po 50 Sm., 6.25 kaj po 100 Sm. 10. — Afrankite.

# ESPERANTISMO

## ONI KONGRESAS

**Federacio Esperantista de Lancashire kaj Cheshire**

En *Chorley*, 13-an de julio 1912, 18ª kvaronjara konferenco. — La urbestro oficiale akceptis la Federacion en la urbdomo je la 3.15 posttagmeze, kiam 130 federacianoj ĉeestis. La aferan kunsidon prezidis S-ro Rhodes Marriott, Manĉestro, kaj la plej interesaj eroj estis legajoj originalaj. S-ro A. R. Horsley el Bolton, verkis kaj legis traktajon titolitan « De laboristo ĝis registara oficisto per Esperanto », kiu pritraktas sian propran sorton, bone elmontrante la edukeman valoron de Esperanto. S-ro Alvarez, el Liverpool, legis rakonton pri la hispana vivo. La Federacia sekretario ankaŭ faris raporton pri la progreso farita rilate al la okazonta Esperanta « eisteddfod », kaj du delegitoj el Liverpool instigis la aŭdantaron pri ĝi. En la ĝardeno de la Laborista Edukada Asocio, oni temanĝis, kaj poste sekvis propaganda kunveno kaj koncerto subĉiela. Partoprenis en tio geanoj de la federitaj grupoj helpataj de lokaj gesamideanoj kaj ankaŭ anoj de la W. E. A., kiu prezentis tre lerte scenojn el Ŝekspiraj verkoj. Ĉeestis franca samideano, el Vichy, S-ro Pastorelli, kiu jus alvenis Liverpolon. Li faris tre trafan propagandon, unue parolante anglaĉe kaj poste rimarkinde pli facile kaj flue esperantlingve. La kontraston ĉiuj bone notis. Entute tiu somera konferenco bone sukcesis, kaj al la nova grupo en Chorley ni esprimas bondeziron. — G. R. G.

**Kataluna Federacio**. — La 29 kaj 30 junio okazis en *Terrassa* la tria kongreso de la Kataluna Esperantista Federacio ; ne dubeble estis tiu ĉi kongreso, krom la V-a, la plej grava Esperantista fakto okazinta en Katalunio ; en ĝi partoprenis pli ol 600 gesamideanoj el 40 diversaj urboj ; la aŭtoritatoj ĉeestis la stacidomon por atendi la kongresanojn kune kun ĉiuj societoj de la urbo kun iliaj respektivaj standardoj, muzikistaroj, popolo ; cetere tuj post la alveno de la vagonaro, akceptata per entuziasmaj aplaŭdoj, oni organizis manifestadon, kiu sin direktis al urbodomo ; la manifestado kiu konsistis el kelkaj miloj da personoj estis varme aplaudata de la publiko, kiu ĉu sur balkonoj ĉu sur la strato atendis ĝian pason. Ĉe la urbodomo la aŭtoritatoj akceptis la gekongresanojn ; poste sur la strato la horoj kaj muzikistaroj ludis la Espero'n. Je la 12-a tagmeze ĉe granda kaj luksa salono de la Komerca Ĉambro okazis la solena malfermo de la Kongreso ; la prezidanto de la Kataluna Federacio D-ro Bremon faris elokventan paroladon, la sekretario legis la raporton ; kaj poste parolis je nomo de iliaj respektivaj grupoj, la 45 delegitoj de la grupoj, kiuj konsistigas la federacion.

Posttagmeze okazis ĉe la urbodomo la unua labora kunsido, en kiu oni reformis la statutojn kaj pritraktis aliajn aferojn rilatantajn la internan funkciadon de la Federacio. Je la 7, oni malfermis la propagandan ekspozicion, kiu nedubeble estas la plej grava aranĝita en nia lando, kaj kies organizantoj meritas ĉiuspecajn laŭdojn kaj gratulojn. — Vespere okazis popolaj dancoj kaj ludoj je honoro de la kongresanoj.

La 30-an okazis je la 7-a matene meso por katolikoj kun prediko en esperanto de la eminenta samideano D-ro Coll.

Je la 10-a okazis ekzamenoj pri lernado kaj profesoreco, kunveno de la ligo de katolikoj, kaj kunveno de U. E. A. : nenion mi raportas pri tiu lasta kunveno ĉar kredeble la prezidinta delegito raportos pri ĝi en speciala artikolo.

En tre granda kaj belega teatro havis lokon la festo de la floraj ludoj, tuj post la komenco de la festo oni elektis reĝo de ĝi la anglan samideanon S-ro Wicknell aŭtoron de la versajo pri amo kaj gajninto de la natura floro, ĉar S-ro Wicknell ne povis ĉeesti la feston delegis por lin anstataŭi samideanon Alavreda kiu elektis kiel reĝinon de la festo fraŭlinon Puig kiu supreniris la estradon salutata per entuziasma aplaudado. Poste la sekretario legis la raporton kaj la reĝino de la festo prezentis la premiojn al la 30 laŭreatoj, je la fino nia eminenta pioniro S-ro Puju la Valles faris elokventan kaj eutuziasman paroladon.

Tagmeze okazis festeno dediĉita al aŭtoritatoj ; dum ĝi parolis iljaj Moŝtoj la urbestro, la generalo, la episkopo, parlamentaj kaj provincaj deputitoj, reprezentantoj de la jurnalaro kaj de diversaj enurbaj societoj, je la fino oni kantis La Espero.

Posttagmeze okazis la dua labora kunsido kaj la fermo de la kongreso; dum tiu kunveno oni decidis reformi la funciadon de la floraj ludoj, krei propagandan fakon kaj okazigi la IV-a kongreson en Olot.

Tiun kongreson kies memoro restos gravurita per oraj literoj en la historio de nia landa esperantista movado estas nefacile forgesebla de ĝiaj partoprenantoj kiuj trovis en la logantaj de la laborema urbo Terrassa entuziasmajn helpanojn de nia afero. — Barcelona, Joan Amades.

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj Societoj**. — En *München* (Bavar.) okazis kuniĝo de la « Societo Esperanto » kun la « Esperantista Grupo München », sub la titolo de ĉi tiu lasta, kiu estis la pli malnova (1904). Kunvenoj ĉe Hotel Terminus (Bayerstr.) ; la grupo estas nun la plej granda en Munĥeno kaj propagandos precipe ĉe komercistoj.

En *Isola* (Istrio, Aŭstrio) ; prez. de la loka komitato : S-ro A. Camuffo, S-Del. — M. M.

En *Muggia* (Istrio) ; la loka komitato aliĝas al la regiona komitato de I. E. A. — M. M.

En *Ŝanghai* (Ĥin.) perfekte reorganiziĝis la Ĥina Esp. Asocio, kun S-roj K.-C. Sun (Esp-iano) kaj K. Ĉ. Ŝan, Del. ; ambaŭ energie klopodas.

**Novaj kursoj**. — En *Porto* (Portug.). S-ro J. A. Proença malfermis 2 kursojn (30 lernantoj) ; S-ro Moreira da Silva malfermis 1 en Kristana Unuiĝo kaj alian en vegetarana Asocio (60 lernantoj). — M. da S.

En *München* ĉe la Unuiĝo « Norica ».

En *Pekin* (Ĥinujo) oficiala kurso estas aranĝita de l'Edukada Ministro, kiu ankaŭ estas kursano.

En *Ŝanghai* (Ĥinujo) : 2 por virinoj, 1 por jurnalistoj, 2 en altaj lernejoj, 1 por socialistoj, 1 por la partianoj de l'Ĥina Federacio (kies ĉefo estas eksprezidanto S-ro Sun Yat Sen), 1 privata, 2 sub la aŭspicioj de Ĥ. E. A., entute *240* kursanoj, krom du aroj en altaj lernejoj. — K. Ĉ. Ŝ.

**Kunvenoj kaj festoj**. — En *Porto* (Portug.) la nova grupo elektis jenan komitaton : Pr. : S-ro Jose Augusto Proença ; sekr. S-ro Joaquim Moreira da Silva ; kas. S-ro A. Mathos de Carvalho ; direktoroj : S-roj Candido Madeira, Joaquim Teixeira Barroea, Antonio Ferreira da Silva kaj Soares dos Reis. — M. da S.

En *Mainz* (German.) kunvenis la 7. julio la Ligo de Sudokcidentaj Esperantistoj (S. O. L.) laŭ invito de la Frankfurta grupo. Ĉeestis ĉirkaŭ 30 gegrupanoj el Frankfurt, Wiesbaden, Offenbach, Ludwigshafen kaj kelkaj izolaj el Mainz.

Je la 11ª matene la oficiala kunsido komenciĝis. Laŭ la raporto de la Frankfurta grupo la pasinta jaro ne estis bona. Du grupoj disiĝis (Hœchst kaj Landau). La pli multo de la aliaj malpligrandiĝis. Frankfurt rezignis la estrecon, kaj Wiesbaden estis elektata estra grupo.

Koncerne la internacian organizon, estis unuanime akceptita propono de Wiesbaden : peti G. E. A. ke ĝi kiel eble

klopodu, por ke la afero ne estu decidota en Krakovo, sed prokrastota ĝis 1913.

Same la aliaj Wiesbaden proponoj 1e ke krom per Rajtigitaj Delegitoj la grupoj ankaŭ povu sendi siajn voĉdonojn skribe al la Internacia Kongreso kaj 2e ke la Internacia Kongreso povu voĉdoni nur pri proponoj metitaj sur la tagordo kaj publikigitaj sufiĉe da tempo antaŭe; aliajn ĝi povu nur pridiskuti.

Post la oficiala parto sekvis tagmanĝo, promenado tra la ora Mainz, fotografado kaj kafo en la parko kaj fine komuna vespermanĝo.

La gesamideanoj pasigis agrablan tagon.

En *Muggia* (Istrio) la 12. julio oni fermis la unuan publikan lernokurson gvidatan de nia klera prof. : Demetrio Cossaro. Dank'al la senlaca lia propagando la kurso treege sukcesis kaj en la ferma vespero ĉeestis la urbestro mem de Muggia Lia Moŝto hon. Giacomo Bertotti, kiu *oficiale en nomo de l'urbestraro promesis helpi Esperanton kaj Esperantismon*, kaj esprimis en nomo de la urbanaro sian dankecon al la instruinto prof. Demetrio Cossaro, kiu sin dediĉas al instruado kiel vera apostolo.

Ankaŭ la gelernintoj dankis sian prof^ron kaj en ilia nomo parolis instruistino Ada Benuzzi, hon. Carlo Drioli, instr. kaj urbkonsil. kaj Bonomo Rizti kaj donacis al li belan memorajon.

La instruisto dankis kaj donacis al F-ino Benuzzi belan bukedon.

Jen post la sukcesoj de Capodistria novaj en Muggia la bela istria Montamara urbeto; kaj ni, istriaj esperantistoj, ŝuldas ĉion al nia kara samideano prof. Cossaro, kiu pro siaj altaj meritoj estis elektata honora komitatano de la oka. — M. M.

*Belgujo.* — Dum la lasta Belga Esperantista Kongreso multaj parolis pri ekskurso. Kelkaj kongresanoj proponis viziti la ruinojn de la malnova Abatejo de « Villersla-Ville » en la Sud-Oriento de la provinco « Brabant ».

Tiu ĉi propono estis akceptata.

La vigla grupo en Karloreĝo akceptis la malfacilan taskon organizi la aferon. Tamen dank'al nia agema samideanino F-ino Susi Galand, la ekskurso fariĝis vera kaj granda sukceso.

Ĝi okazis la dimanĉon, 14-an de julio. La plej granda parto de partprenantaro konsistis el Antverpenanoj (ĉirkaŭ 50) el Bruselanoj (ĉirkaŭ 25) kaj el karloreĝanoj (ĉirkaŭ 60). La rendevuo estis fiksita en Cour-Saint-Etienne, vilaĝo kuŝanta du horojn de Villers-la-Ville.

Tie kelkaj karloreĝanoj atendis la aliajn samideanojn. Sed malfeliĉe jam la plej granda parto de niaj Wallonaj samideanoj estis en Villers-la-Ville ĉar ili opiniis, ke la vetero estis tro varma por marŝadi.

Post trihora promenado oni alvenis en Villers-la-Ville. Dum la promenado, sub densa arbaro aŭ laŭlonge de beleta rivereto oni vizitis la malnovan kastelon « Lamotte » konstruitan dum la 16-a jarcento.

Je la tria posttagmeze oni eniris la ruinaron, vere vidindan. La plej bela parto de la abatejo estas certe la preĝejo, kies konstruado finiĝis en 1273 sub la direktado de abato Arnold de Gestele. Dum tiu ĉi epoko la abatejo enhavis pli ol 400 loĝantojn.

Ekzistas ankaŭ teruraj kaj malhelaj subteraj vojoj, ruinoj de aliaj konstruajoj sed ne tiel belaj kiel la preĝejo.

Sed rimarkon aldoni mi volas : estas bedaŭrinde, ke laŭlonge de tiuj malnovaj ruinoj, kie granda silento devus regi, kiel antaŭe, nun brue pasas vagonaroj, ĉar ili detruas tie la impreson de malnova poezio.

Ĉar tiu ĉi ekskurso estis tre agrabla, la proksiman jaron ni organizos alian ankoraŭ pli belan ! ! — R. de Leener.

**Paroladoj.** — En *München* (German.) S-ro Tressel : 1e en unuiĝo « Norica » pri la servoj de U. E. A. ; 2e en « Akademischer Gorres Verein » ; 3e en Esperanto-Grupo; 4e en Esperanto Klubo, pri ĉekbanko.

En *Lyon*, ĉe la Esp. Hejmo, S-ro Poncet, federacia stipendiulo, faris du paroladetojn (unu france, alia Esperante) pri sia vojaĝo ĝenerale kaj pri Krakow.

En *New-York* ĉe la Columbia University, S-ro Prof. A. Christen, la 10. kaj 12. de julio ; du aliaj paroladoj okazis la sekvantan semajnon. — C.

En *Ŝanghai* (Ĥinujo) la 1. de junio, tieaj Esperantistoj festis la 25 jaran jubileon de Esperanto kaj tiu okaze aranĝis publikan poresperantan paroladon, Ĉeestis 500 personoj ; paroladis S-roj Lu Ŝi Ĉin, Sen Fi Zon. Strumenski (ruso) kaj Kan Fu Kan (ĉefo de Socialistoj). Fine S-ro K. Ĉ. Ŝan, Delegito, detale raportis pri U. E. A.

**Paroladvojaĝo Parrish.** — Dimanĉo la 30 de Junio S-ro D. E. Parrish, alvenis en nia urbo, de Odessa, post halto en Galatz kie restis du tagoj.

Kvankam li intencis resti nur tri tagojn, tamen li restis unu plenan semajnon.

Ĉar lia vizito estis anoncita nur du tagojn antaŭe, oni ne povis tuj aranĝi la paroladon. Ĝi okazis la 4a de Julio en la salono de l'teatro Kinema-Venus, kun libera enirpago. Ĉeestis proksimume 500 personoj.

Dimanĉo la 7a de Julio la Rusĉukaj samideanoj (Bulgaroj) organizis ekskurson al Bukureŝt'o. Ili alvenis matene per la vagonaro en nombro de proksimume 150 personoj. Inter ili estis multaj neesperantistoj.

De la stacidomo, ĉiuj, rumanaj, bulgaraj kaj kun Parrish pilgrimis al tombejo « Belu » kie estas la tombo de la neforgesebla samideano D-ro G. Robin, sur kies tombon la bulgaraj samideanoj metis kronon el vivantaj floroj, kiun ili alportis el Bulgarujo.

Tagmeze S-ro Parrish, antaŭ proksimume 200 personoj faris por la dua fojo sian paroladon en la sama salono.

Posttagmeze kelkaj personoj inter kiuj ankaŭ S-ro Malĉev (Rusĉuk) kaj S-ro Parrish, ĉeestis en la finjara ekzamenfesto de la lernejo de blindulejo « Vatra Luminaosa » kie nia blinda samideano Prezenti Lewy aranĝis ankaŭ esperantan deklamadon.

Vespere ĉiuj, kun nia Kalifornia samideano, forlasis nian urbon, reveturante, la bulgaraj samideanoj hejmen, kaj S-ro Parrish daŭrigi sian vojaĝon.

En *Sofia*, S-ro Parrish parolis dufoje : la 14. kaj 16. de julio ; 350 personoj.

**Esperantiaj distriktaj kunvenoj.** — *Orienta Germanujo.* — La distrikta kunveno de Orienta Germanujo okazis en Danzig la 21. Julio. S-roj Mally (Gœrlitz), Mahn (Breslau), Lukasius (Insterburg), S-ino Tuchinski (Danzig) raportis pri la stato de U. E. A. en siaj respektivaj regionoj. La distrikta kunveno unuvoĉe decidis proponi plialtigon de la kotizajo de U. E. A.

## OKAZONTAJ KUNVENOJ

### Esperantista Kalendaro

*Aŭgusto*

(7-8). — Tria kongreso de Itala Esperanto Asocio en *Verona*.

(11-18). — Oka kongreso de Esperanto en *Krakovo*.

(11-18). — Tria kongreso de U. E. A. en *Krakovo*.

Unua hungarlanda kongreso Esperantista en *Budapeŝto*.

*Oktobro*

Dua Aŭstralia Esperantista kongreso en Melbourne.

(13). — Dekoka konferenco de la Esp. Federacio de Lancashire kaj Cheshire en Chorley.

C. O. de U. E. A.

## DIVERSAĴOJ

.·. *Monhelpoj.* La Komerca Ĉambro de *Nevers* (Franc.) dum sia lasta kunveno voĉdonis por la « Esperantista Niverna Grupo » sumon da 4 Sm. — L. P.

En *München* (German.) la urbestraro donacis 500 Mk. (Sm. 250) por la preparo de la antaŭkongreso en tiu urbo (6-9 aŭgusto).

.·. *En Ĥinujo.* — La Edukada ministro de la Ĥina Registaro, S-ro Tsai, ĉiutage post sia oficiala laborado partoprenas Esperantan kurson. — Peresperanta hotelo Hai Ĉan estas fondita en Ŝanghai. En Moukden fondiĝis fabrikejo de pajlaj ĉapeloj Ĉiao Min kaj K°; ĝia fabrika marko estas « Verda Stelo ».

.·. *Esperanto kaj Aviado.* — La fama franca aviadisto Henri Farman sendis al la granda London'a firmo « Burroughs Wellcome and C-o » (filioj en New-York, Montreal, Sydney, Cape Town, Milan, Shanghai, Buenos Aires) gratulan leteron, el kiu ni eltiras jenon :

« Mi estas tre feliĉa scii, ke vi uzas la lingvon Esperanto, por via komerco, kaj mi gratulas vin.

Kiel ofte mi antaŭe diris, mi trovas, ke estas tre necese, ke ĉiu flugisto havu kun si unu el viaj « Tabloid » Unua-Helpo ekipaĵoj, kaj sciu Esperanton. Kun tiuj du, li povas ĉien iri.

Feliĉe mi povas diri, ke ankoraŭ mi ne havis gravan akcidenton, sed provante diversajn aparatojn, mi kelkfoje vundiĝis, kaj tiam estis tre kontenta uzi la « Tabloid » Unuan-Helpon, kiu ŝparas multekostan tempon. Estas tre necese, ke flugistoj kiuj iras en ĉiujn landojn parolu Esperanton kaj posedu « Tabloid » ekipaĵon por unua helpo. De tia maniero, li povas ĉien iri, kaj estas sia propra mastro.

Tiu estas la konsilo, kiun mi donas ĉiam koregе al la novicaj flugistoj en miaj lernejoj, ĉar malgraŭ tio, ke flugistoj tre malofte vundiĝas grave sur miaj aparatoj, spite ilia tre granda nombro, tamen estas saĝe antaŭvidi ».

.·. *Piede de Parizo al Krakovo.* — Niaj diversnaciaj samideanoj : S-roj Devjatnin (ruso), Romano (turko), Cervos (Hispano), Chamette (franco) kaj Urban (bohemo), interkonsentis iri piede el Parizo al la VIII-a Universala Kongreso kaj dum la vojo propagandi nian lingvon. Jes, efektive estos triumfa marŝado. Kvin Esperantistoj, reprezentantaj kvin diversajn naciojn, iras piede tra tuta Eŭropo, por viziti ĉiujn esperantistajn societojn, kiuj troviĝas en laŭvojaj urboj kaj urbetoj, propagandas Esperanton kaj fine venas en Krakovon kaj raportas al la Esperantistaro de la tuta mondo pri sia vojaĝo !

La mondkonata firmo Gaumont kinematografis la foriron de niaj samideanoj. Tiu filmo aperis en la « semajnaj aktualaĵoj », montrataj en la multnombraj urboj, kie firmo Gaumont havas korespondantojn.

.·. *Esperanto ĉe la Bavara Metia Ekspozicio en München.* — La direkcio de la Bavara Metia ekspozicio en München en plej imitinda maniero metis je la dispodo de la Munĥenaj Esperantistoj ĉambron, en kiu estas aranĝata dum la daŭro de la ekspozicio riĉa fako de Esperantaĵoj (jurnaloj, libroj, propagandiloj, ktp.). S-ro ekskolonelo Meier, unu el la unuaj pioniroj de Esperanto kaj konata kiel verkisto de la unua Germana lernolibro, donas la informojn. De la 3-8a de aŭgusto okazos la antaŭkongreso en München kune kun la kunveno de la Bavara Ligo. La konsilantaro monhelpis la aranĝojn per la notinda sumo da 250 Sm. — F. F.

.·. *Esperanto kaj katolikoj.* — En gravaj germanaj gazetoj troviĝas la informo, ke oni intencas fondi grandan internacian korespondoficejon por la katolikaj gazetoj. La sola tie uzota lingvo estos Esperanto. La Centra Sidejo estos München. — F. F.

.·. *Esperanto kaj rusaj porinfanaj gazetoj.* — En Rusujo Esperanto enpenetras ne nur en vilaĝojn de kelkaj regionoj, sed eĉ en...porinfanaj jurnaloj, kie ĝi firme stariĝas. Artikoloj pri Esperanto kaj U. E. A. aperis en la « Gazeto por infanoj », en Majak (Lumturo), ktp. Tiu ĉi lasta havas nun Esperantan fakon kaj volonte publikigos la liston de junuloj dezirantaj Esperante korespondi kun junaj rusaj Esperanto-lernantoj. Por ĉiuj informoj, sin turni al S-ro I. Seriŝev, Subdel. Krasnij Jar (Zabajskala Obl., Siberio). — I. S.

.·. *Sur la vojo al Krakovo !* — Jen estas la programo por la Ripoza-Restado kaj Promenado en *Wien* (Vieno) okaze de la Oka Kongreso :

1. *Alveno* dum la antaŭkongresa semajno laŭvole.
2. *Akcepto* de la 4a ĝis la 10a de Aŭgusto en Wien I. Stubenring 24, kafejo, — klubejo de la E. Unuiĝo Wien, ĉiutage, tagmeze ĝis la 9a vespere.
3. *Informoj* pri loĝado, amuzoj, vizitoj k. c., same kiel ĉe punkto 2 (Akcepto).
4. *Ekskursoj* tra la aŭstria ĉefurbo, en la ĉirkaŭaĵo, vizito de diversaj vidindaĵoj laŭvole, sub la gvidado de la Vienaj samideanoj, sed nur, se la deziroj estos skribe antaŭanoncitaj.
5. *Komuna festvespero* laŭ speciala programo, ricevebla post la alveno.
6. *Forveturo Krakovon* je la 9a de Aŭgusto kune kun la kongresanoj el Wien — Vieno.

.·. *Gvidfolio Weinbœhla.* — Oni petas nin represi la ĉi-suban komunikajon, kiun ni rekomendas al niaj legantoj.

La bela vilao-loko Weinbœhla (Dresden) eldonis gvidfolion nur en Esperanto kaj gvidlibron parte en Esperanto. Wienbœhla estas ĉarma loko kun klimato speciale rekomendinda por resaniĝantaj kaj maljuniĝantaj personoj. La eldono okazis ne sen protestoj kaj nun ankoraŭ multe da tieaj ĉi geloĝantoj dubas pri la sukceso. Tial, karaj gesamideanoj, petu informojn grandare ĉe S-ro Sohrmann, instruisto, Kronprinzenstr. 5 kaj loĝu en Weinbœhla por longa aŭ mallonge tempo, dum vi vizitas la belan Saksan reĝlandon. La ĉi tieaj gesamideanoj volonte faros ĉion por agrabligi al vi la restadon en Weinbœhla. — A. S. (Subdel.).

## TRA LA GAZETARO

.·. *Hungarlanda Informilo* depost la komenco de 1913 aperas en du eldonoj : eldono A, la 15. de ĉiu nepara monato ; 8 paĝ., kroniko pri Esp. en Hungarlando. Eldono B, la 15. de ĉiu para monato, enhavos nur literaturajojn, originalajn aŭ tradukitajn. Abonprezo : German., Hungarl., Aŭstrio : K. 2 (Sm. 0.850) ; aliaj landoj : K. 2,25 (Sm. 0,950). Administr. : Kazinczy utca 10, *Budapeŝto*, Hungarlando.

.·. En *Ŝanghai* (Ĥin.) detale raportis pri la publikaj paroladoj sep ĉiutagaj gazetoj, el kiuj *Min di Pao* enpresis la portreton de nia majstro kaj per grandaj literoj informis siajn legantojn pri la partopreno de S-ro Tsais, la edukada ministro, al la Esperantista kurso.

.·. En *Münchner Neueste Nachrichten* (München, German.) 14. julio : « La bavara metia ekspozicio kaj Esperanto ».

.·. *La Illustrazione Adriatica-Trentina* de l'20a julio, *Il Corriere Adriatico, L'Osservatore Triestino, L'Amico. Il Picolo* pri la sukcesoj de Esper. en Muggia kaj la fermo de l'kurso gvid. de prof. Cossaro Demetrio.

.·. En *Gazeta de Noticias* (Rio-de-Janeiro, Brazil.) 22 junio, pri la brazila Kongreso.

.·. En *Priener Zeitung* (German.) 18 majo traduko de la artikolo « Nova epoko en la ŝipkonstruarto » el no 120 de nia Gazeto (trad. S-ro Tressel, Munĥeno).

.·. En *O Conservador* (Nazareth, Brazil.) 2 junio, artikolo de S-ro M. Sœndhal.

.·. En *Bayerischer Kurier* (München) 17. junio, la 25. jara Esperanto.

.˙. *El Universal* (Caracas, Venezuelo) 9. junio, raportas pri la progresoj de Esperanto kaj entenas du anoncojn rilate al ĝi.

.˙. En *A Tribuna* (Rio-de-Janeiro, Brazil.) 21 junio, longa artikolo de S-ro Carlos Veloso.

.˙. En la junia nº de *Echos de Inhauma* (Brazil.), favora artikolo.

.˙. En *Sonntagsblatt der Abendpost* (Detroit, Usono) 23 junio : « 25 jara jubileo ».

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Komitato de U. E. A.

Post detala raporto de la financa fakestro, la Komitato de U. E. A. por firmigi la financan situacion de la Asocio decidis fari la jenajn proponojn por la ĝenerala voĉdonado de la Delegitoj : 1. La membra kotizaĵo estu fiksata je 1 Sm., el kiuj 0,80 Sm. por la Centra Kaso kaj 0,20 Sm. por la Delegito. 2. Estu starigata garantia kapitalo da 10.000 Sm. konsistanta el 200 partoj da 50 Sm.

Tiuj du proponoj kun la koncernaj Statutaj ŝanĝoj estos detale klarigataj en speciala Oficiala Bulteno aperonta tuj post la Kongreso. Ni ankaŭ dediĉos al ili apartan artikolon en *Esperanto*.

### Kongreso de U. E. A.

La provizora Kongresa Dokumentaro enhavonta la tekston de la diversaj raportoj ekzamenotaj de la tria Kongreso de U. E. A. estos disdonata en Krakovo, ĉe la Oficejo de U. E. A., al ĉiu persono havanta sian kongreskarton. Helpkongresanoj povos fariĝi kongresanoj pagante la diferencon en la prezo, t. e. 1 Sm.

### Etato de la Esperantianoj.

Je la 20. Julio estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E A. 8.359 kotizaĵoj por 1912. (Je la 1. Julio 8,096) + 192 subtenantoj.

**Fakaj membroj** : *Interŝanĝa Fako* : 447 ; *Laborista Fako* : 86 ; *Virina Fako* : 131.

**Subtenantaj membroj** : (14-a listo).

190. *O. Bujwid* (Krakow) ; *J. Vieira de Souza* (S. Paulo) ; 192. *A. Niedzwiedzki* (Minsk).

La Direktoro.

### Novaj Del., Vic., kaj Subdel.

Bangkok (Siam, Malezio). — D. : Laur. Andersen, c. o. Oriental Store.

Bozzolo (Mantova, Italujo). — SD. : Prof. : Alfredo D-ro Dona, teknika lernejo (dum julio-septembro adreso estas : Bassano Veneto).

Grand-Croix (Francujo, Saint-Etienne). — SD. : H. Nublat, 34, rue de Lyon.

Hasle-Rüegsau (Svisujo, Bern). — SD. : Arthur Peyer, komercisto.

Kaiserswerth (Germanujo, Düsseldorf). — SD. : Hans Poensgen, plantejestro.

Kilmarnock (Skotlando). — D. : James Craig, 9, Hood Street.

Loanda (Angola, portugala afrika kolonio). — D. : Ernesto de Maya, pontoj kaj fervojoj, Caixa, 53.

Praha (Aŭstrio, Bohemujo). — VD. ; Leopold Berger, inĝeniero, Praha I Prikop, 27 (Herles).

Redhill (Anglujo, Surrey). — D. : Stanley S. Jennings, librovendisto, 26, Linkfield Lane.

Rodas (Antilioj, Cuba). — D. : Andres M. Oliva, leŭtenanto Guardia Rural.

Rotterdam (Nederlando). — SD. : J.-W. Bierens, Gerrit Jan Mulderstr. 50.

Szaszsebes (Hungarujo, Szeben). — D. : Ludoviko Keleti, viukomercisto.

### Ŝanĝoj.

Astrakan (Rusujo). — VD. : Sergej Sariĉev, komercisto, Ugol Zesnoj i Tevjaŝivskaj d. Volaĥ.

Kasan (Rusujo). — D. : Inokentij Nikolaeviĉ Rukavicin, studento, universitato.

London (Anglujo). — D. : D. Harry Epstein, sekretario, c. o. U. E. A. High Holborn, 134.

Orenburg (Rusujo). — D. : Isaev, oficisto de l'fervojo, Ugol Griŝkovskoj i Kosogo pereulok dom Nelogo.

Sissach (Svisujo, Basel). — SD. : F-ino Lisa Gisler, Rheinfelderstr.

Varsovio (Rusujo). — D. VI. : Hirszovski, publicisto, str. Krolewska, 19.

### Citoj.

2-a cito : Bombay, (Del. S. R. Karnick).

Ateno, (Del. Petro G. Douzinas).

Napoli (Del. R. Bagnulo).

### Rimarkoj.

La Del. de Patras (P. Bünemann) revenis al Patras; La adreso de la Del. de Sliema estas dum la someraj monatoj : J. Gouder, 13, Strada Tre Chiese, Casal Balsan (Malta).

### Novaj Esperantistaj Entreprenoj.

Weinbœhla b. Dresden (Saksujo). — N-o 311, Rich. Schubert & Co, fabriko de farmaciaj preparaĵoj.

Weinbœhla b. Dresdeno (Saksujo). — N-o 312, Esperantista Societo.

Joinville (Brazilujo, Santa Catharina). — N-o 313, Carlos Ch. Müller, korespondanto de ĵurnaloj naciaj kaj eksterlandaj. Specialaĵo : monataj raportoj pri la pelj gravaj ekonomiaj okazintaĵoj en Brazilujo. Korespondas Esperante, germane, angle, france, hispane, portugale.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — N-o 314. Escola Rio Branco (lernejo), rua da Assemblea, 115, 2-a andar. Direktoro : Pastro Epaminondas Rolin. Vic-direktoro : D-ro Eugenio Gornes de Mattos.

Rio de Janeiro (Brazilujo). — N-o 315. Societo Geografia de Brazilujo, Averrida Rio Branco, 132, 2-a andar. Prez. : Barono Honrem de Mello. Sekr. : D-ro José Boiteux.

Hamburg (Germanujo). — N-o 316. Wilh. Lœsch & Co, Brandswiete, 58, Hamburg, 8.

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.˙. *Grava servo de U. E. A.* Praha komerca gazeto « Česky Lloyd » publikigis (9 III 1911) en la fako « Elmigrado » raporton pri nova kolonio fondita en brazilia ŝtato Minas Geraes. Sed samtempe ĝi avertis kontraŭ elmigrado tien, ĉar ĝi ricevis informon tre malfavoran, kiu diris, ke en ĉirkaŭaĵo de la kolonio estas klimato kaŭzanta infektajn malsanojn, ke la ŝtato posedas nek vojojn nek fervojon, ke la tero estas nefekunda, ke oni ne povas vendi tie agrikulturajn produktaĵojn kaj ke la ŝtato ne garantias promesojn faritajn al enmigrintoj. La redakcio demandis, ĉu iu havas ĝustajn informojn. Oni petis min, ke mi akiru ilin per Esperanto. Mi senprokraste skribis al tri delegitoj de U. E. A. en diversaj urboj de Brazilio kaj ricevis (23 IV 1911) el Bahia kaj Petropolis (S-roj delegitoj Magnus Sœndahl kaj Joao Duarte Silveira) tre detalajn informojn, kiuj per malsamaj vortoj egale parolis pri sana klimato, bonaj vojoj kaj sufiĉaj fervojoj, fruktodona tero, facila vendo de produktaĵoj kaj plena garantio de la ŝtato Minas Geraes. Mi tradukis ilin boheme kaj « Česky Lloyd » presigis (25 IV 1911). La tria delegito estis post mia plendo citita en gazeto Esperanto kaj pro nerespondo forstrekita el listo de delegitoj. Baldaŭ poste mi bezonis esperantan libron statistikan pri Bazilio « Bultenon memorigan » publikigitan de brazilia ministraro. Petante ĝin mi klarigis en Esper-

anto, kiel mi sukcesis pravigi malĝustajn informojn pri Brazilio. La ministraro de agrikulturo, komerco kaj industaio sendisĝin, kaj ĝiaj ťakoj statistika kaj komerca dankis min tre afable pro servo, kiun mi farisal ilia ŝtato. — R. Fridrich, Profesoro, Del. Prostejov (Moravio).

.·. Mi estas feliĉa esprimi miajn sincerajn korajn dankojn al ĉiu Esperantianoj kaj speciale al la Delegitoj en Bern, Innsbruck, Kufstein, München, Prien, Reichenhall, Salzburg, Linz, Wien, Krakow, Brno, Praha, Dresden, Nürnberg kaj Stuttgart. Dank'al ili mia stipendivojaĝo povis akiri iom da profito por la propagando, ĉu pro tio ke ili estis organizintaj paroladon, ĉu pro tio ke ili min akompanis por viziti la redaktistojn de naciaj aŭ lokaj gazetoj. Mi povis konstati, ke ĉiuj ne nur plenumas sian devon, sed per siaj tutaj fortoj laboras por pruvi, ke Esperanto estas nun utiligebla dank'al U. E. A. Aparte mi dankas S-rojn *Tressel* (München), *Pezlederer* (Salzburg), *Sos* kaj *Glück* (Wien), kiuj bonvolas nin helpi por la organizo de la Esperantiaj Karavanoj al Krakow.

L. Poncet,
Kons. de U. E. A., Stipendiulo de la Fed. Esp. de « Bourgogne kaj Jura », Lyon.

.·. Mi multe dankas la Del. de U. E. A., kiuj tiel multe kaj afable min helpis, dum mia vojaĝo tra Nederlando, en la urboj Hago, Leiden, Haarlem, Alkmaar, Amsterdam, Rotterdam, ktp. Mi povis konstati, ke la servoj de U. E. A. bone funkcias.

E.-E. Yellande, *Del. Plymouth.*

.·. Mi volas plenumi mian devon de danko al pluraj membroj de U. E. A., kiuj akompanis kaj poste eĉ gastigis min dum vojaĝoj. Il estas : *S-roj Vermaas* kaj *Niesten* en Rotterdam, *H. Fricke*, en Frankfurt a. M., *de Hosson*, en Dordrecht, *S-ino Habermehl*, en Haarlem kaj *S-ro von Rœmer*, en Hilversum. Plie mi devas danki *F-inoj Louise Hœst*, en Kjœbenhaven kaj *Helmi Josefson*, en Stockholm, per kiuj mi ricevis librojn malfacile haveblajn per germana librovendejo.

Hans Poensgen, en *Kaiserswerth-bei-Düsseldorf.*

### Oni proponas !

.·. S-ro *K. Ĉ. Ŝan*, Del. Ŝanghai proponas, ke la C. O. de U. E. A. publikigu en sia oficiala organo, almenaŭ 4 monatojn antaŭe, la modelojn de l'dissendotaj novaj formuloj ; tiamaniere la malproksimuloj, evitante la malhelpon de intervoja perdiĝo, povos mem kunlabori en ilia verkado kaj devos ilin resendi nepre antaŭ fiksita templimo.

## LA
# Urbo Breslau kiel Esperantia Entrepreno

### Kulturhistoria kaj ĝardenkultura ekspozicioj Breslau Majo ĝis Oktobro 1913.

La urbo Breslau aranĝos en la jaro 1913 grandan kulturhistorian ekspozicion kaj samtempe ĝardenkulturan ekspozicion. Detalojn pri ambaŭ oni ĉerpu el la ĉi suba prospekto. Konsiderante la jam nunan disvastecon kaj praktikan utilon de Esperanto, la urbo aliĝis kiel « Esperantia Entrepreno » al U. E. A. por ke ĝi povu uzi ĝian servaron.

La urbo do petas ĉiun esperantianon, helpi en la diskonigado de la ekspozicioj. Oni traduku la prospekton en nacian lingvon kaj klopodu, publikigi ĝin en tagĵurnaloj. Presigu artikoletojn, kiuj atentigu precipe pri la kulturhistoria ekspozicio, por kiu oni deziras diversajn aĵojn el la epoko ĉirkaŭ 1813. Certe en familiaj posedaĵoj troviĝas valoraj objektoj, kies elmontro apartenas al la kadro de la montrata programo. Instigu la koncernatajn familiojn, ke ili pruntedonu la aĵojn al la ekspozicio, kiu plene garantias pri zorga konservado kaj bona resendo. Oni ja ne nur deziras vivigi la memoron pri la kruelaj militoj, sed revivigi kiel able plej klaran bildon pri la tiama kulturstato, tiel grava por kaj pro la rilataj akraj batal-adoj, kiuj skuegis la tutan Eŭropon. Pro ĉi tiu kulturhistoria tasko de la ekspozicio ni Esperantistoj havu intereson pri ĝi kaj helpu ĝian prosperon. Jen okazo, kiu ebligas samtempe, montri la jam nunan praktikan valoron de Esperanto ; jen okazo por montri, ke iamaj malamikoj fariĝis amikoj, kaj fariĝis fratoj nun per Esperanto. Certe la situacio de Breslau allogos vizitantojn el najbaraj landoj, el Rusujo, Aŭstrio, Hungarujo ; espere ankaŭ venos Francoj, Angloj, ktp. ; al ili montros la ĝardenkultura ekspozicio, kiamaniere oni ornamis kaj ornamas sian vivon per dolĉe odoraj, okulon kaj animon karesantaj floroj, per la ĉarmaj, ĉiulande amegataj idoj de nia tero.

De ĉiu gazeto, kiu raportos pri la afero per helpo de Esperantiano, oni kompleze sendu 3 ekzemplerojn rilate signitan al la oficejo de la kulturhistoria ekspozicio : Breslau (Germanujo), Graupenstr. 14 (Kunstgewerbemuseum), kiu korespondas en Esperanto.

Pro pruntedono de elmontrotaj objektoj, kiujn oni signos « pere de U. E. A. ricevita », jam nun dankas la urbestraro de Breslau.

La tasko de la kulturhistoria ekspozicio estos, montri al la nunepokanaro per memorigiloj ĉiuspecaj la epokon de militbataloj dum 1813 ĝis 1815. Por atingi veran komprenon pri la tiamaj cirkonstancoj, oni klopodos, prezenti, kiel eble plej objektive, la tiaman epokon ne nur laŭ la milita flanko, sed ankaŭ laŭ la ĝenerala kulturstato en Eŭropo. Sekve la ekspozicio estos dividita en 4 sekcioj (vidu la programon). *Por ke oni ricevu kompletan bildon pri la tiama epoko, estas necese, ke oni kolektu la materialon por la ekspozicio ne nur en Germanujo, sed ankaŭ en la ŝtatoj, kiuj tiam estis en kunfederacio kun Prusujo, kaj en Francujo.*

La tuta ekspozicio estas aranĝo de la urbo Breslau ; ĝi garantias, per helpo de speciala monfondo, ĉiujn kostojn kaj starigas en la parko « Scheitnig » (pron : ŝejtnig) specialan ekspozician konstruaĵon, kiu servos ankaŭ estonte por similaj aranĝoj. La konstruaĵo estos masiva kaj respondos ĉiujn postulojn de moderna scienco, rilata al ekspozicia kaj muzea teknikoj, por ĉiuflanke certigi la sendanĝerecon al artaj objektoj.

Lia Majesto, la Imperiestro kaj Reĝo, pruvis sian intereson por la ekspozicio, kaj Lia Imperiestra kaj Reĝa Moŝto, la Konprinco, bonvolis akcepti la protektadon de la ekspozicio.

Samtempe kun la kulturhistoria ekspozicio estos aranĝata granda ĝardenkultura ekspozicio. La nove konstruata festhalo estas starigata meze de la famega parko Scheitnig, t. e. ĉirkaŭaĵo, vere kreita por efike prezenti ĝardenkulturan ekspozicion. Nur malofte oni trovas tiel oportunajn kondiĉojn, kiuj permesas al la praktikata ĝardenkultura arto jen daŭrigi la jam ekzitantantajn plantaĵojn, profitante arbarojn, herbejojn kaj akvon, jen uzi vastampleksan ebenon, por naski arkitekturan disvolviĝon laŭ moderna senco.

La plej eminentaj personoj el Germanujo apartenas al la « Honora Komitato », la Prezidanto de la ekspozicia komitato estas la supera urbestro de la urbo Breslau, kiun, en la aranĝado, helpas Breslauaj eminentuloj, tiel artistoj kiel scienculoj.

### *Programo de la Kulturhistoria ekspozicio*

Unua sekcio : Portretoj de la gvidantaj personoj el la tiama epoko, de princoj, armeestroj, generaloj, diplomatoj, poetoj, artistoj kaj eminentaj virinoj ; valoraj memoraĵoj pri ili ; aŭtografaĵoj. Devas esti reprezentata ĉiu nacio, kiu partoprenis en la tiamaj bataloj. La portretoj (bustoj, pentraĵoj, miniaturoj, bildpresaĵoj, bildoj sur aĵoj artemetiaj, ekzemple sur tasoj, ujoj, ktp.) ne devas esti nur el jaroj 1813 ĝis 1815 ; oni ankaŭ tre deziras portretojn el la diversaj vivaĝoj de la rilataj personoj.

Oni agos bone, ne malgrandigante la impreson de ĉi tiu sekcio per envicigo de portretoj de malmulte konataj aŭ nekonataj personoj. Tiaj portretoj, kiuj posedas artan valoron, apartenas al la sekcio 4ª.

Dua sekcio : Militistaj aferoj de la epoko. Batalilaro kaj uniformoj de la diversaj armeoj, montrataj per bildoj kaj originaloj ; oni severe konsideros nur la jarojn 1813 ĝis 1815. Uniformfiguroj. Fortikaĵmodeloj.

Tria sekcio : La okazintajoj depost la fino de l'militiro en Rusujo ĝis la dua paco de Paris 1815. Ĉi tiu sekcio enhavos ne nur samepokan, sed ankaŭ interesajn reprezentajojn postajn, por ke la sekcio estu kvazaŭ ampleksa bildara libro. Panoramo pri Breslau 1813. Oni petos la arkiv-administraciojn de diversaj ŝtatoj, aranĝi apartajn ekspoziciojn.

Kvara sekcio : La vivado kaj la arto de la epoko. Ĉi tiu sekcio ne estos limigita laŭ la jaroj 1813 ĝis 1815, sed oni konsideros la tutan epokon de la « empire » -stilo. Decidiga por envicigo en ĉi tiun sekcion estos nur la arta aŭ arthistoria graveco de la objektoj ; do ne estas necese, ke ili havu senperan rilaton al la milito kaj al politikaj aferoj.

*Grupoj :* A : Vidajoj pri urboj kaj arkitekturo ; B : Ĝardenkultura arto ; C : Plastiko : originaloj kaj gipskopioj de speciale gravaj artajoj ; D : Pentrarto ; E : Grafika arto. La tiama karikaturo ; F Miniatura pentrado ; G : Kostumoj, teksarto kaj ornamajoj ; H Arto por loĝeja interno, meblaro ; J : Forĝarto rilata al oro ; K Malpli valoraj metaloj (bronzo, fero, stano) ; L : Keramiko kaj vitrajoj ; M : Gliptiko ; N : Moneraferoj kaj medaloj, ordenoj ; O Metio pri libroj ; kartoj por vizito kaj bondeziroj ; P : Trafika aferoj.

*Programo de la ĝarden-kultura ekspozicio*

1. Ĝardenkultura arto. — II. Faka scienco. — III. Scienca ĝardenkulturo. — IV. Socialekonomia ĝardenkulturo. — V. Metia ĝardenkulturo. — VI. Industrio por ĝardenkulturo.

# Esperantia Vivo

**Honorigo.** — Ni plezure eksciis, ke nia Distrikta Delegito, *Prof. D-ro Arthur Ghez* (Trieste, Aŭstrio), ricevis de L. R. M. Alfonso XIII de Hispanujo, la oran medalon kun violkora rubando de la sieĝoj de Gerona, kiel rekompencon pro liaj klopodoj pri la disvastigo de Esperanto. — B.

# Alvokoj

### Grava Avizo

Ni malfermis tiun ĉi rubrikon por faciligi al la Esperantistaj organizajoj kaj Esperantistoj la publikigon kaj diskonigon de petoj havantaj *ĝeneralan* intereson. Tiamaniere estas ofte evitataj la elspezoj por presigo kaj dissendo de cirkuleroj, kiuj cetere ne atingas tiel grandan nombron de legantoj. Sed ni de kelka tempo rimarkas, ke kelkaj personoj sendas al ni por enpreso artikolojn, kiuj havas pure *privatan* celon aŭ intereson, kaj estas fakte nenio alia ol anoncoj iom pli longaj. Ĉar ni povas dediĉi al tiu rubriko nur limigitan lokon, ni atentigas niajn legantojn, ke ni de nun presigos nur la komunikajojn de *ĝenerala intereso*, tre *legeble* skribitajn kaj *koncize* redaktitajn. La teksto de la alvoko devas esti skribita suraparta folio, sed ne miksita kun la enhavo de letero aŭ poŝtkarto. La manuskriptojn nekonformajn al tiuj kondiĉoj ni ne enpresos.

(*Red.*).

### Kukistoj-Sukerajistoj

Ĵus fondita *Unuiĝo Internacia de Kukistoj-Sukerajistoj Esperantistaj* petas ĉiujn sammetianojn sendi iliajn adresojn por ke oni interkonsentu pri vortoj kaj esprimoj metiaj.

La aliĝo al tiu societo estas senpaga, sed povas aliĝi nur samprofesianoj.

Sin turni al la sekretario : S-ro Leclerc, 71, rue Monge, Paris.

### Vizitu la belan Elzason !

Dimanĉon la 1-an de septembro la ligo de la Elzasaj Esperantistoj festenos en nia urbo la 25 jaran jubileon de Esperanto. Por igi la feston eble plej solena kaj bela, la festkomitato invitas ne nur ĉiujn Elzasajn sed ankaŭ ĉiujn trans la Elzasa limo loĝantajn samideanojn. La preparajoj promesas belan kaj memorindan tagon al ĉiuj partoprenantoj.

*Provizora programo :* Matene, post akcepto al la gastoj, se eble, vizito de la urbo. Je la 9-a horo, festkunsido sekvota de la komuna tagmanĝo (menuo por 1,250 Sm.). Poste agrabla kaj oportuna kunestado, tio estas amuzajoj (teatrajoj, deklamadoj, muzikajoj, k. t. p.).

Ĉiu partoprenonto povas esti konvikita, ke li ĝuos kelkajn tre agrablajn horojn inter la Elzasaj samideanoj.

Do, akceptu nian koran inviton kaj venu grandnombre al nia festo.

Por ricevi detalajn informojn ĉiu venonto bonvolu tuj skribi al :

J. Baumann,
Prezidanto de la Esperanto Societo en *Mülhausen en Elzaso*, Klettenbergweg, 5.

### Belga Ekspozicio 1913

La grupoj aŭ samideanoj, kiuj deziras ricevi senpagajn reklamilojn peresperantajn pri la *Tutmonda Ekspozicio Gent 1913*, bonvolu sin turni al la subskribinto. Ili estas petataj indiki la nombron de la dezirataj reklamiloj kaj aldoni por la poŝtelspezoj fr. 0.50 (Sm. 0.20) en respondkuponoj aŭ poŝtmarkoj.

Arthur Vermandel, *Antverpeno*,
72, Borgerhoutsche straat.

### Al ĉiuj komerc-oficistoj kaj vojaĝantoj !

La 25-26 aŭgusto okazos en Hago la internacia kongreso de la komerc-oficistoj kaj vojaĝantoj, organizita de internacia federacio, kies sidejo estas en Gant (Belgujo).

Dum ĝia lasta kongreso okazinta en 1910 en Ĝenevo, oni pridiskutis ankaŭ « Esperanton », kaj oni sendis tiun temon por esti studata.

Estas nun bona okazo, denove ripetigi tiun pridiskuton, kaj la ĉeestontaj samideanoj kongresanoj devus fari sian devon.

Por tio estas dezirinde, ke ili sin konigu kaj ĉiulandaj komerc- kaj industri-oficistoj kaj vojaĝantoj sendu al ili aliĝojn kaj delegu ilin por proponi Esperanto'n kiel kongreslingvon kaj eventuale aliĝon al U. E. A. - Emanoil J. Nikolau, Komercoficisto, Del. Bukureŝti.

### Al la tutmondaj teknikistoj

Ĉie ni teknikistoj kunlaboras por la progreso de Esperanto, sed ni mem ne povas uzi hodiaŭ niajn fakajn supertojn, ĉar ne ekzistas gazeto, kiu akceptas parajn teknikajn artikolojn.

Por la uzado de Esperanto en la praktika vivo, en la industrio nenio kontraŭestas laŭ mia opinio. Mankas ŝajne nur komuna ago de ni, samfakanoj.

Ĉar mi jam kelkfoje sendis mian adreson al inĝenieroj, kiuj deziris entrepreni ion, de kiuj mi aŭdis tiam nenion plu, mi proponas, ke ni, se la redakcio de tiu-ĉi gazeto tion permesas, tie ĉi parolos pri la vojo forigi la montritan mankon.

Al la teknika gazeto baldaŭ venos, se ĝi estos bone redaktata, la anoncoj de maŝinfabrikoj kaj fabrikistoj, kaj tial verŝajne la gazeto pli bone vivos ol aliaj.

La firmoj ĝis nun ĉiam permesis al mi traduki esperante germanan artikolon pri aparatoj. Tial ni progresemaj teknikistoj povos certe per niaj laboroj bone helpi al la graviĝo de Esperanto en la komerco. Ni ankaŭ fosu nian sulkon !

Mansfeld, Merseburg/Saale (Germanujo).

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. b. fl. = *bildflanko*.

Banolas (Hispanujo, Gerona). — S-ro Elias Pigem, str. Escribanias 15, PK. PM. (deziras koresp. kun fremdlandaj samideanoj).

Barcelona (Hispanujo). — S-ro Eduardo Albert, ĉe « Esperanto-Aŭroro », str. Mariano Cubi 160, PI.

Boulogne-sur-Mer (Francujo). — F-ino Louise Haignéré, instruistino, 149, rue du Moulin à Vapeur, PI.

Danzig (Germanujo). — S-ro Otto Roggatz, Stiftswinkel 17.

Dresden (Germanujo). S ro Robert Kiessig, Dresden 30, Henricistr. 5/11. PI. (kun ĉiuj landoj).

Elberfeld (Germanujo). — S-ro Kurt Henke, Hofkamp, 28 (kun ĉiuj landoj).

Essen/Ruhr (Germanujo). — F-ino M. Bartholomé, Huttropstr. 84 pt. (ŝanĝo de l'adreso).

Kœln a/Rh. (Germanujo). — S-ro Ant. Baxa, Zülpicher Platz, 7, PI. L.

Laparrouquial (Francujo, Tarn). — S-ro Marius Lagriffoul, S.-D. de U. E. A. PI. (kun ĉiuj landoj).

Lauban (Germanujo, Silezio). — S-ro W. Wengler, gimnaziano, Aussere Nikolasstr. 13, PM. PI.

Litovel (Aŭstrio, Moravio)- — S-ro prof. Klemens Urban.

Louny (Austrio, Bohemujo). — S-ro Jos. Rybak, prakt. drog., Ĉefplaco, 127, PK. PI. bfl.

Louny (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Adolf Klemens Urban.

Luck (Rusujo-Wolynska). — S-ro Josef Wojcikiewicz, Ostrozec, librotenisto de Administrejo Ostrozec (interŝanĝi skemojn de terkulturaj libroj, fotografaĵojn, PI., PM.)

Montevideo (Urugay). — S-ro Raŭl V. Idoyaga, Casilla de Correo 303, PI., K. (kun ĉiulandaj samideanoj, escepte francaj, anglaj, germanaj, aŭstriaj kaj rusaj. Respondo laŭ deziro per 2 aŭ 3 kartoj).

Moskvo (Rusujo). — S-ro N. Kangin, 2, samotečnij per. 8, PI.

Moskvo (Rusujo). — S-ro M. V. Smirnov, Lefortovo, Jurievskaja, Zawod shesternia Citrœn, PM.

Nijni Novgorod (Rusujo). — S-ro Kutuzov, Telegraf N-o 2, Ĉinovnik.

Odense (Danujo). — S-ro Frode Larsen, Gorinsgade, 5, PI.

Olomouc (Aŭstrio, Moravio). — S-ro S-ro Karel Zapletal, Raslova ul. PK.

Omsk (Rusujo, Siberio). — S-ro Fedoroff, rue Vsesviatskaja N-o 45. PI.

Orizaba, Ver (Meksikujo). — S-ro Victor Robres, Av. Libertad, 35.

Paris (Francujo). — S-ro And. Rabault, 16, Avenue Laumière (kun ĉiu landaj samideanoj).

Porto (Portugalujo). — S-ro Joaquim Moreira da Silva, Rua do Triumfo 222, PI. kolorigitaj, bfl.

Praha-Bubeneĉ (Austrio, Bohemujo). — S-ro Hourek, Taboritska ul 28.

Rjazanj (Rusujo). — S-ro V. Ĵavoronkov, Mjasnickaja, dom Arefjevoj, (sperta Esp.-isto koresp. nur kun japanoj, ĥinoj, francoj, angloj, amerikanoj, aŭstralianoj).

S. Anna d'Alfædo (Italujo, Verona). — S-ro Rafæle Marconi, PI.

Sasd-Baranya (Hungarujo). — S-ro Kændl Janos, PI. L.

Tetschen (Austrio, Bohemujo). — F-ino Mizzi Arnold, Beunergasse, PI. L.

Verona (Italujo). — F-ino Zœle Foresti, Lungadige Panvinio, 9, PI. PM.

Vilno (Rusujo). — S-ro S. Makovskij, str. Vœnno-Kladbiŝĉenskaja, 10, PI.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

A. M. OLIVA, LEŬTENANTO, G.-R. RODAS, CUBA. — Deziras ekhavi ĉu aĉete, ĉu interŝanĝe kun moneroj antikvaj unu el ĉiuj rememoremaj medaloj faritaj, unuflanke de Anglujo, aliflanke de Hispanujo, rememorigante batalon angla-hispanan en fortikaĵo « Morro », de mia lando (Cuba), dum 1762-a jaro. Ambaŭ medalojn mi deziras.

ESPERSTENO : Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo : Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la Aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

FAMAJ HOLANDAJ CIGAROJ. — Ign. de Laure, Cigarfabrikanto, Boksmeer (Nederlando) serĉas en ĉiuj landoj cigarvendistojn, Petu specimenojn kaj prezojn.

FILATELISTOJ. — Sendu al S-ro Dupuis, 2, rue de l'Arc-de-Triomphe, Paris (Francujo), 3, 6, aŭ 9 respondkuponojn kaj vi ricevos 20, 40 aŭ 60 diversajn poŝtmarkojn de la francaj kolonioj kaj specialan katalogon de poŝtmarkoj. Petu la faman katalogon Yvert-Tellier, Fr. 4.25 (Sm. 1.70) afrankite-rekomendite.

GERMANA-AŬSTRIA ESPERANTISTO. — Pri la 8-a internacia kongreso Esperantista 1912 informas bonege la oficiala organo de la Ligo de Germanlingvaj Aŭstriaj : German-Aŭstria Esperantito. Ĉiumonate Esperante kaj Germane. — Jara abono Sm. 1.25. — k. 3. Administracio : Wien VI, Dürergasse, 19.

INTELIGENTA JUNULO, perfekta Esperantisto, scias la rusan kaj germanan lingvojn serĉas oficon en Rusujo, Germanujo aŭ Polujo, en ia magazeno, librejo, kancelariejo aŭ sim. Povas esti ankaŭ helpleciononisto. La Delegito, kiu havigos la oficon, donace ricevas belan valoran kolekton da Esperantaĵoj. Afablajn proponojn oni adresu : S-ro B. Breslaŭ, Vasilkovsk str. Rejica, Vitebsk gub. Rusujo, sub espero 555.

JUNA FRANCO, studento en juro, diplomita pri Esperanto, serĉas germanan familion, kiu akceptus lin dum libertempo. Plezure li parolos francan lingvon, G. Lelarge, rue Salbérie, Cholet (Maine-et-Loire) Francujo.

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto propagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. — Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso : Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinaj landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

LA PACPARLAMENTO KAJ ĜIA ORGANIZO. — Informoj ktp. : Inf. Kapt. B. J. Klingenberg, Kristiania (Norvegujo) Sm. 0.15 (du respondkuponoj) afrankite. Aldono : intermita sciigo N-o 2 : ankaŭ du respondkuponoj. Librovendistoj ensendu mendojn.

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinaj landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).



*La Administranto (Gérant)* : MICHAUD

Laborista Kooperativa Presejo, 15, rue Amiral-Roussin. Dijon (Francujo).

